# esperanto



Universala Esperanto-Asocio (en ko[...]sko)

novembro 1994
87-a jaro
n-ro 1064 (11)

ISSN 0014-0635






Selten: Nobel-premio por esperantisto
Morita: Nobla premio por esperantistoj

# Enhavo

181 Azio: Japana Esperanto-Domo (YAMASAKI Seikô)
Kandidatigu komitatanojn B de UEA!
182 Reinhard Selten ricevis Nobel-premion
Bharatanoj sur firma grundo (Syam Sundar Pal)
183 Togolando: La problemo: pliiĝas esperantistoj (HOUNNAKE A.K. Raoul); Kion kovas TIETO?
184 Orienta Eŭropo: Albanio soifas kontaktojn (Z. Bojĉeva, A. Künzli)
Komerco: Luksa produkto de la 21-a jarcento
185 Teatro: Ĉu turneos *Paperaj revoj*? (Spomenka Štimec)
186 Esperanto en radio
187 Radiokurso el la nenio (Karl-Heinz Hartmann)
Kalendaro 1994-95 (internaciaj E-aranĝoj ĝis septembro 1995)
188 Reto Rossetti (1909-1994); Dormo por li ne necesis (John Francis)
189 Belartaj Konkursoj de UEA en 1995
190 Kongresa komuniko 1 de la 80-a Universala Kongreso en Tampereo
191 Bakin 90-jara: Esperanto en Bakin (dua parto) (SHI Chengtai)
194 Recenzo: *Frosta nokto* (Georgo Kamaĉo)
Abontarifo 1995 de la Libroservo de UEA
195 Laste aperis... (novaj eldonaĵoj en aŭ pri Esperanto)
196 Reagoj: Ni kuraĝe akĉentu (Trevor Steele); Prefere distingi ol priskribi (Rüdiger Eichholz); Usona kulturo: ne pseŭda (Don Harlow); Angla ĵargono (Iren Strulović); Ne meritas respekton (Rüdiger Eichholz); Venu la vera usona kulturo (Marie Bartovská); Instrui de nasko: respondeca tasko (Bernard Golden); Ne Katalunio (Manuel Parra)
197 La diligenta kolegaro: En Oriento ekfluis *Riveroj*
Furoraĵoj de la Kongresa Libroservo
198 Loke – Fake (mallongaj novaĵoj)
200 Nekrologoj; Oficiala informilo; Anoncetoj

# Vi trovos

ke la novaĵoj bonvenaj kaj mornaj, kiel kutime en la vivo, liveriĝas kune: aperoj kaj malaperoj, inaŭguroj kaj misaŭguroj eras en kuna apudo. Jen, unu manon ni levas por adiaŭi Reton Rossetti, kiu, akompaninte la movadon dum 65 jaroj, mortis la 20-an de septembro (p. 188-189); per la alia ni manpremas la Nobel-premiitan samideanon Reinhard Selten, kiu eĉ aplikis la metodojn de sia sciencokampo al Esperanto (p. 182).

Ĉu vi bonvenigos la diversajn invitojn kiuj, ĉar proksimiĝas jarfino, grandnombre aperas tra la numero? Ni invitas Vin al Tampereo (p. 190-191), Albanio (p. 184), al dekoj da E-aranĝoj (p. 187), al via radio-aparato (p. 186), kaj eĉ al la Parnaso (p. 189) ... por ne mencii la inviton aboni revuojn (p. 194, 197) aŭ kandidatigi komitatanojn (p. 181)!

*La kovrilo: Selten* signifas germane "malofte". Efektive, tiel malofte esperantisto ricevas Nobel-premion ke la novaĵo postulis kovrilpaĝon, kvankam haveblis nur malaltkvalita foto. Por nia movado tamen eĉ pli povas gravi la nova kultura centro en Japanio, per kiu la geedzoj Morita premiis nin, esperantistojn.

**esperanto**

Oficiala organo de
Universala Esperanto-Asocio
(en konsultaj rilatoj kun UN kaj Unesko)

**Aperas** monate (escepte de aŭgusto).

**Fondita** en 1905 de M. P. Berthelot (1882-1910). **Establita** kiel organo de UEA en 1908 de Hector Hodler (1887-1920). **Legata** en 115 landoj. **Voĉlegata** por blinduloj.

**Redaktoro:** István Ertl.

**Abonprezo:** varias laŭlande (gld. 58,30; US$ 32; GM 51; enoj 4320; ktp); petu informojn ĉe via landa asocio aŭ de la ĉi-suba adreso. Unuopa ekzemplero kostas 5,50 guldenojn.

**Anonctarifo** (gld.): 1 p. 1900, 1/2 p. 1050, 1/4 p. 575, 1/8 p. 310, 1/16 p. 175. Movada rabato 50%. Ekstera-kovrilaj anoncoj kostas duoble. Rabato por tuja ripeto 20%.

**Adreso de la Centra Oficejo de UEA:** Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando.

**Telefono:** (010) 436 10 44; 436 15 39.

**Telefakso:** (010) 436 17 51.

**Telegramoj:** ESPERANTO ROTTERDAM.

**Banko:** Bank MeesPierson, Postbus 749, 3000 AS Rotterdam (konto n-ro 25.52.89.804). Nederlanda poŝta ĝirkonto: 37 89 64 (ĝiroficejo Den Haag).

**Ĝenerala Direktoro:** Simo Milojević.

**Direktoro de la CO:** Osmo Buller.

## Estraro de UEA

**Prezidanto** (kunordigado, reprezentado): prof. d-ro John C. Wells, 5 Poplar Road, London, Britio SW19 3JR; tel. +44/(0)81/542-03-02; fakso 715-40-10.

**Vicprezidanto** (landa kaj regiona agado): d-ro Ulrich Lins, Gemarkenstr. 150, DE-51069 Köln, Germanio; tel. +49/(0)221/680-32-50.

**Ĝenerala Sekretario** (informado, eksteraj rilatoj, CED): s-ro Mark T. Fettes, 695-B King Edward Avenue, Ottawa, Ontario, Kanado K1N 7N9; tel. +1/613/565-92-82; fakso 565-92-79.

**Estrarano** (financo): s-ro Hans Bakker, Kastelenstr. 231-II, NL-1082 EG Amsterdam, Nederlando; tel. +31/(0)20/642-18-53.

**Estrarano** (azia agado): prof. d-ro So Gilsu, Yangchon PO Kesto 11, Seoul — 158-600, Korea Respubliko; tel. kaj fakso +82/(0)2/646-54-13.

**Estrarano** (kulturo, kongresoj): s-ino Michela Lipari, Viale Giulio Cesare 223, IT-00192 Roma, Italio; tel. +39/(0)6/39-72-61-98; fakso 39-72-61-69.

**Observanto** (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj [ILEI]): s-ino Marija Belošević, Sveti duh 130, Črnomorec, HR-41000 Zagreb, Kroatio; tel. +385/(0)41/576-092; fakso 428-847.

**Observanto** (Tutmonda Esperantista Junulara Organizo [TEJO]): s-ro Danny ten Haaf, Clarensteeg 2 G, NL-2312 WJ Leiden, Nederlando; tel. kaj fakso +31/(0)71/148-801.

*Azio:*

# Japana Esperanto-Domo

**La 1-an de oktobro Japana E-Instituto (JEI) okazigis la inaŭguron de sia nova seminariejo en arbaro 150 km-ojn for de Tokio, baptita Esperanto-Domo de Yatugatake, laŭ la nomo de proksima, renome pitoreska montaro.**

Ĝi estas donaco de s-ino MORITA Yôko, membro de nia instituto, kiu volis doti la japanan movadon per studejo kaj ripozejo, longe trezorata en la sino de ŝia forpasinta edzo MORITA Mosuke, ankaŭ esperantisto, kaj en la ŝia. La trietaĝa E-domo konsistas el tri partoj, destinitaj al studado, tranoktado (16 litoj), bibliotekado kaj manĝado-interamikiĝo. Konstruita laŭ la nordia stilo kiun amis s-ro Morita, arkitekto kaj tiufaka profesoro de la universitato Hôsei, ĝi staras sur tereno de 703 m², egale donaco de s-ino Morita.

Partoprenis en la soleno la prezidanto de la municipa eduka komisiono; KAWAKITA Zirô, honora profesoro de la Tokia insituto de teknologio, kiu kreis faman metodon por evoluigi kreivan penson (en Esperanto: *Enkonduko al problemsolva originala KJ-metodo*); profesoro OSSAKA Ĝojo, filo de OSSAKA Kenĵi, kiu estis patro de la japana movado; fraŭlino GAUNTLET Saikô, pranepino de la brita klerigisto Edward Gauntlet, kiu (probable) la unua studis en Japanio Esperanton aŭtodidakte, en 1903, kaj edukis pli ol 500 personojn per sia koresponda kurso; kaj la estro de najbara muzeo, reprezentante la kulturajn instancojn abundajn en tiu regiono. Nome de la eksterlandaj esperantistoj japaniaj, salutis Wilhelm Schmid, membro de la Lingva Servo de UEA. Ricevis aplaŭdon — krom s-ino Morita — ŝia filino kaj ties edzo; fakte, temas pri donaco de la tuta familio Morita, kiu malavare aprobis kaj apogis la bravan agon de sia patrino.



Post legado de la salutoj (John Wells nome de UEA, Ĉina E-Ligo, Korea E-Asocio, regionaj federacioj en Japanio kaj filioj de JEI), la okdeko da ĉeestantoj babilis super ĉampano, biero kaj bufedo en la manĝohalo kaj en la korto, sub larikoj, banate de la alpeta aero 1000 metrojn super marnivelo.

La instalaĵo estos fermita dum vintro, kaj ĝis la 31-a de oktobro daŭros provperiodo por praktika uzo. Apenaŭ io konkreta estas ankoraŭ decidita pri la programo. La japana esperantistaro renkontos multajn obstaklojn financajn kaj aliajn, kiujn ĝi ne forgesis dum la eŭforio de la festeno; ĝi estas, malgraŭ ĉio, firme decidiĝinta fronti al tiu ĉi defio. Eksterlandaj esperantistoj estos bonvenaj en la domo. Bonvolu ĉiuj beni la entreprenon senprecedentan en nia historio kaj doni moralan subtenon.

YAMASAKI Seikô
**Internacia fako de JEI**

# Kandidatigu komitatanojn B de UEA!

1995 estos elektojaro en UEA, kaj tio ebligas provizi ĉiujn organojn kaj funkciojn de la Asocio per novaj kaj freŝaj agantoj. Parto de tiu procezo estas elekti la komitatanojn B, per skriba voĉdono de la individua membraro de la Asocio. Laŭ la Statuto (art. 24) **eblas elekti 8 komitatanojn B**. La Ĝenerala Regularo (art. 8) preskribas jenajn regulojn:

"Dek individuaj membroj el minimume tri diversaj regnoj rajtas proponi unu solan kandidaton el inter la individuaj membroj. Al la proponoj, subskribitaj de la proponintoj, devas esti aldonitaj, krom la skriba konsento de la kandidato, ankaŭ biografieto kaj deklaro pri la movadaj celoj de la kandidato, kiuj kune ampleksas maksimume 150 vortojn."

**Kompletaj proponoj devas atingi la Centran Oficejon de UEA en Roterdamo antaŭ la 1-a de februaro 1995.**

Ĉiu kandidato devas esti individua membro de UEA dum du jaroj antaŭ la elektiĝo (1993 kaj 1994) kaj komprenebIe kotizi ankaŭ por 1995. Salajrata oficisto de UEA ne rajtas esti komitatano. Jama komitatano estas reelektebla kondiĉe ke li aŭ ŝi en la periodo 1989-94 ĉeestis almenaŭ unu komitatkunsidon. Memoru tamen ke la elektoj donas ŝancon alporti freŝajn laborfortojn kaj ideojn al la Asocio.

Se la nombro de kandidatoj ne estos pli ol ok, ni konsideros ilin ĉiujn elektitaj. Se la kandidatoj estos pli multaj, ĉiu individua membro ricevos voĉdonilon en aprilo 1995.

Uzu vian demokratian rajton rekte reprezentiĝi en la supera gvidorgano de UEA!

# Reinhard Selten ricevis Nobel-premion

**Je redaktofino ni aŭdis radian informon: la 11-an de oktobro la Nobel-premio pri ekonomiko de 1994 estis aljuĝita al profesoroj John Harsanyi, John Nash kaj Reinhard Selten, pro "ilia fundamenta analizo de la ekvilibro en la ne-kunlabora ludo-teorio".**

Prof. d-ro Reinhard Selten estas membro de UEA ekde 1958 (same kiel liaj edzino kaj frato), kaj dumviva membro de 1969. Li membras en Germana E-Asocio kaj en Akademio Internacia de Sciencoj (AIS) San Marino. Ĉirkaŭ 1960 li prezidis E-Societon Frankfurt. Laŭ *The New York Times* (Usono) li "priskribas sin kiel idealiston kaj membron de la Esperanto-movado".

Selten naskiĝis en 1930 en Breslau (nun Wrocław, Pollando). Li studis kaj doktoriĝis (1961) pri matematiko en Frankfurto, kie inter 1957 kaj 1967 li laboris en ekonomika esplorgrupo de prof. Sauermann. En 1967/68 li estis vizitanta profesoro ĉe la universitato de Berkeley. Li profesoris ĉe la Libera Universitato de Berlino (1969-72), kaj ĉe la universitatoj de Bielefeld (1972-1984) kaj Bonn (1984-).

La ludo-teorio — aŭ *strategiiko*, laŭ Olav Reiersøl — estas matematika teorio pri strategiaj kondutoj, pri situacioj de decido, pli kaj pli aplikata al la modelado de ekonomiaj fenomenoj. La ne-kunlabora ludo-teorio, kies evoluon Selten forte impulsis, povas modeli ekz. la reciproke dependajn decidojn de samfakaj konkurenculoj, aŭ la interrilatojn de rivalaj firmaoj sur la merkato. Selten pioniris ankaŭ pri la eksperimenta ekonomiko, jam en la 50-aj jaroj, kaj estis la unua en Eŭropo kiu instalis tian laboratorion. Liaj eksperimentoj sugestas ke necesas tute nova ekonomika teorio por sufiĉe konsideri la neracian elementon en la homa agado ekonomia.



Ankaŭ en Esperanto Selten publikigis, kun Jonathan Pool, traktaĵon lud-teorian: *Ĉu mi lernu Esperanton? Enkonduko en la teorion de lingvaj ludoj* (Universität Bielefeld, 1982). En la studo, kiu unuafoje aplikis la ludo-teorion al la situacio de Esperanto-eklernado, la aŭtoroj modelis la decidojn de diverslingvanoj eklerni diversajn fremdlingvojn en diversaj kondiĉaroj, kaj esploris kiam la interdependaj decidoj rezultigas stabilan ekvilibron. Ĉe pluraj el la esploritaj stabilaj ekvilibroj konsiderinda proporcio de homoj decidas eklerni Esperanton.

Inter centoj da gratulantoj, John Wells sendis saluton al la premiito nome de UEA.

Selten estas la unua germana sciencisto akirinta Nobel-premion de ekonomiko, kiun, cetere, ĉe la unua aljuĝo en 1969 ricevis simpatianto de Esperanto, la nederlanda Jan Tinbergen. Aliaj esperantistaj Nobel-premiitoj estis Joseph J. Thomson (fiziko, 1906), Wilhelm Ostwald (kemio, 1909) kaj Alfred Fried (paco, 1911). Subtenis Esperanton multaj aliaj Nobel-premiitoj, i.a. Antoine Becquerel (fiziko, 1903), Albert Einstein (fiziko, 1921), Lord Boyd-Orr (paco, 1949), YUKAWA Hideki (fiziko, 1949), Jaroslav Heyrovský (kemio, 1959) kaj Camilo José Cela (literaturo, 1989). ★

# Bharatanoj sur firma grundo

**La Esperanto-movado en Hinda Unio preterpasis mejloŝtonon kiam Federacio Esperanto de Bharato ekstaris sur firma grundo, aĉetinte propran oficejon.**

La oficejo (Hind Apartment, 545 G.T. Road (S), 2nd Floor, Room No. 216, Howrah - 711 101) situas en Howrah, urbo najbara al Kalkato. Ĝian aĉeton ebligis malavara donaco de la E-klubo en Jönköping (Svedio), kiu fakte jam de deko da jaroj kontaktis la bharatan movadon kaj estis preta tiel apogi ĝin, sed la rilataj problemoj burokratiaj kaj financaj kaŭzis plurjaran prokraston. Ni dankas al la klubo en Jönköping, kaj aparte al Jack Snarberg kaj Karl Buremo. Ilia helpemo estas ĉenero en la longa historio de kunlaboro inter la du landoj, komencita en 1928, kiam la pioniro Lakshmiswar Sinha lernis Esperanton de Andreo Cseh en Stokholmo.

La oficejon solene malfermis la urbestro de Howrah, Swadesh Chakraborty (vd. foton). Ĉeestis Shyamal Sen, honora juĝisto de la Kalkata Alta Juĝejo, kaj prof. Asit Banerjee, ekskatedrestro ĉe la Kalkata Universitato. La prezidanto de la Kalkata FEB-filio, d-ro Sudhir Bera, parolis pri "unueco en diverseco", kiu animas kaj la Hindan Union kaj E-on. FEB-sekretario Syam Sundar Pal atentigis ke akceptante la anglan oni akceptas ion komune malfacilan, dum E-o estas kaj neŭtrala kaj facila.

**Syam Sundar Pal (Bharato)**



*Togolando:*

# La problemo: pliiĝas esperantistoj

**Kvankam la kongresoj de Unuiĝo Togolanda por Esperanto okazu ĉiun duan jaron (laŭ la malnova statuto de UTE), la dua Togolanda E-Kongreso (TEK, 23-26 septembro) sekvis kvar jarojn post la unua. Jen raporto.**

Post la politikaj konfliktoj, naŭmonata ĝenerala striko, monkrizo ktp kiuj plagis Togolandon, kuniĝis 102-kapa partoprenantaro en urbo Tsevie por adopti novan statuton, elekti novan estraron kaj starigi komitaton de UTE.

Post unusemajna perfektiga kurso same en Tsevie, la kongreso estis inaŭgurita en la ĉeesto de AMENOUVE Madje Eric, prezidanto de la landa federacio de Unesko-kluboj, kiu dankis la kunlaboron de UTE kaj laŭdis la idealon de Zamenhof. Ĝenerala sekretario GBEGLO Koffi prezentis mesaĝon de Hans Bakker. Prezidanto ATTIOGBE-AGBEMADON Mensah raportis pri la laboro dum kvar jaroj, skizis la problemojn kiujn UTE frontas pro la plinombriĝo de togolandaj e-istoj kaj pro la situacio en la lando, kaj konstatis ke kelkajn el la problemoj tamen solvis "vaganta kurso" organizita de UTE. Lian bilancon sekvis ĝenerala debato kaj raporto de la sekcioj.

Post la adopto de nova statuto, laŭforme simila al tiu de UEA, kunvenis unuafoje la UTE-komitato por elekti sian gvidantaron kaj la UTE-estraron. Ĉi ties prezidanto fariĝis AFANTCHAO-BIAKOU Yao; vicprezidas GBEGLO Koffi, la ĝenerala sekretario estas HOUNNAKE A.K. Raoul.

Ĉe la junuloj debato kondukis al starigo de la junulara sekcio de UTE, Junulara Organizo de Togolandaj E-istoj (JOTE), kiun prezidas HALAOUI Kibanou.

Ĉiuj novaj postenuloj ekdeĵoros en januaro 1995.

Kio krome notindas el la dua TEK? La meza aĝo de la kongresanoj igis ĝin junulara renkontiĝo. La programon distre agrabligis ŝaradoj, skeĉoj, teatraĵetoj, kantoj originale Esperantaj ktp. Elementan ekzamenon de UEA/ILEI organizis TIETO (vd. dekstre). Piedpilka ludo inter kongresa teamo kaj la surloka veterana klubo propagandis por la internacia lingvo. [Ĉu tio signifas ke la kongresanoj venkis? — *Red.*] Ne forgesindas la klaĉoj eksterprogramaj, la ŝercoj dumnoktaj, la kokerikado gvidata de DJIMA Afo Léon por veki la kongresanojn. Restas ĉe ni sento de kontenteco, ĉar la duan TEK partoprenis multe pli da lertaj e-istoj ol la unuan: la lingvonivelo rimarkinde altiĝis.

Nun en ĉiu kapo devas resti memoro pri tiu entuziasma aranĝo kaj — por kelkaj — pri tiuj knabinoj de Tsevie kiuj diboĉigis kongresanojn. Ĝis la venonta TEK, kies flamo ekflagros en la urbo Kpalime!

HOUNNAKE A.K. Raoul (Togolando)



***De maldekstre: Gbeglo, Afantchao-Biakou, Amenouve, Attiogbe-Agbemadon dum la Dua Togolanda Kongreso***

## Pagu kreditkarte

UEA nun akceptas pagojn per jenaj kreditkartoj: Eurocard/Mastercard/Access, American Express kaj VISA. Atentu: se vi pagas kreditkarte fakturon de la libroservo aŭ kongresan mendon, ni devas plialtigi je 5% la sumon pagotan, pro administraj kostoj. Grandajn sumojn prefere pagu malpli koste per banka ĝiro aŭ ĉeko. Se vi pagas kreditkarte membrokotizon de UEA, kotizojn de Societo Zamenhof aŭ de Patrono de TEJO, aliĝkotizon de Universala Kongreso, donacon al UEA aŭ ties fondaĵo, aŭ abonon al *Esperanto* aŭ *Kontakto*, vi ne devas pagi la aldonon de 5%.

Ĉe kreditkarta pago nepras:

— doni la numeron de via karto,
— mencii la daton ĝis kiu ĝi validas,
— subskribi la peton.

## Kion kovas TIETO?

Ekde 1992 funkcias Tietti-Instituto de E-o en Togolando (TIETO), kies nomo omaĝas al ges-roj Veera kaj Hemmo Tietti el Finnlando. Ĝi celas informi kaj eduki pri la movado kaj ideoj de Esperanto, organizi ekzamenojn kaj kursojn — ĉi lastajn ĉefe por progresintoj, komplemente al kursoj organizataj de la landa asocio.

TIETO-n animas GBEGLO Koffi, helpate de ATTIOGBE-AGBEMADON Mensah, SAGBADIELOU Koko kaj — de fore — de UEA-estrarano Hans Bakker. Ĝi funkciigas korespondan kurson kaj okazigas rigorajn ekzamenojn: en la du ĉi-jaraj sukcesis nur 10 el 38, resp. 3 el 14 kandidatoj.

TIETO ankaŭ prezentiĝis, eĉ se nur pase, al altranguloj el Benino, Burkina Faso, Ebura Bordo, Niĝerlando kaj Togolando. La 6-an de junio, okaze de plurnacia inaŭgura ceremonio de kolegio, Gbeglo — kiu instruas tie — starigis E-budon. La delegacioj de ĉiuj kvin landoj informiĝis pri E-o, kaj la togolanda edukministro gratulis al Gbeglo.

TIETO eldonis en 1994 jam tri numerojn de sia trimonata *OVo (Ondo da Vero)*, libera forumo por ĉiuj e-istoj. *OVo* ne estas abonebla, sed donaco de almenaŭ 100 gld. al TIETO (UEA-konto "tiet-u") rajtigas al regula ricevo.

*Orienta Eŭropo:*

# Albanio soifas kontaktojn

**Profitante la novajn vojaĝeblojn al Albanio, la bulgarino Zdravka kaj la sviso Andy, fine de aŭgusto 1994, vizitis tiun balkanan landon, kiu antaŭ kelkaj jaroj estis tute ŝlosita por individuaj turistoj.**

La malgranda ŝtato de la "aglofiloj", Albanio, draste ŝanĝiĝis en la lastaj tempoj. Ĝi iĝis tute aperta por ĉiu kiu deziras konatiĝi kun ĝi. Oni povas sufiĉe facile kaj rapide atingi la landon. La vizon oni ricevas malkomplike kaj moderpreze ĉe la limo. Ne timu alveni en la plej nekonatan landon de la kontinento! La gastamaj albanaj esperantistoj elkore bonvenigas vin kaj dum via tuta restado atente kaj amike zorgas pri via bonfarto.

Krom iom turismi tra la lando, kiu proponas elstarajn vidindaĵojn naturajn kaj arkitekturajn, ni konatiĝis kun la loka E-movado kaj ties problemoj. Ĝis nun, la rilatoj kun la albanaj e-istoj disvolviĝis ĉefe perkoresponde. Malmultaj alilandaj samideanoj vizitas Albanion. Feliĉe, kelkaj albanoj jam sukcesis partopreni E-renkontiĝojn en aliaj landoj. La soifo de la albanoj je kontaktoj kun eksterlandanoj estas nekontentigebla — kompreneble, post pluraj jardekoj de preskaŭ hermeta izoliĝo. Des pli ilia deziro gastigi la fremdulojn en sia propra hejmo estas forta kaj sincera.

Niaj movadaj kontaktoj kulminis en kunveno brile organizita de Bardhyl Mezini, sekretario de Albana E-Ligo, en la naturscienca fakultato en Tirano. Honoris nin per sia ĉeesto 26 ĉefe junaj homoj kaj kelkaj maljunuloj, interalie la tre ĉarma Vasil Pistoli, eminenta figuro de la albana movado kaj nuna prezidanto de la Ligo, kaj Gafur Muĉo, ĝia prezidinto, nia sindona gastiganto en Tirano. Kelkaj samideanoj alvenis eĉ el pli foraj lokoj, malgraŭ la ege malfacilaj transportaj kondiĉoj. Post prelego de Andy pri la idea fono de Esperanto sekvis prezentado de TEJO fare de Zdravka. Krom pluraj praktikaj sugestoj ŝi proponis organizi la venontan junularan balkanan konferencon en Albanio. La albanoj dankeme konsideris la proponon, sed iom dubis pri ĝia efektivigeblo, fone de la multaj movadaj problemoj. Tamen, la preparo de tia konferenco povus esti la komenco por la reorganizado de la landa movado.

Kiel dirite, problemoj en la albana movado — kiel en la tuta lando mem — abundas. La plej ĝena obstaklo ŝajnas la movada dissplitiĝo al grupoj memstaraj, reciproke sin evitantaj kaj kritikantaj. Tio malhelpas ke ĉiuj aktivuloj povu regule kunvenadi kaj plani komunajn agadojn.


*Zdravka Bojĉeva ĉe unu el la sennombraj bunkroj de la eks-reĝimo — nun turismaĵoj.*

Sed okazoj por apogi la movadon multas. Vizitu mem Albanion por praktiki Esperanton kun la gekolegoj. Ili daŭre estas tro izolitaj kaj urĝe bezonas okazojn por plibonigi siajn Esperanto-konojn. Ili volonte malfermas al vi siajn hejmojn por evitigi altajn hotel-elspezojn. Alia maniero progresigi la movadon estas inviti albanajn e-istojn al eksterlandaj E-aranĝoj (se oni ne timas la vizan maratonon). Ĉar enorme mankas E-materialoj (libroj, revuoj, kasedoj ktp), sendu tiaĵojn al la adreso: Albana Esperanto-Ligo, Poste restante, Tirana. Kutime la sendaĵoj bonorde kaj rapide alvenas. Ĉe la sama adreso vi povas ricevi korespondpetojn.

**Zdravka Bojĉeva (TEJO-vicsekretario) kaj Andy Künzli (eksa TEJO-aktivulo)**

*Komerco:*

# Luksa produkto de la 21-a jarcento

**En la nuna tempo, kiam eĉ la "denaske" idealismema esperantistaro vole-nevole kutimiĝas al nocioj kiel *akcio, interezo, investo* kaj *profito*, kiam Internacia Komerca kaj Ekonomia Fakgrupo fariĝas la naŭa faka asocio aliĝinta al UEA, kiam eĉ komencantoj iĝas komercantoj, kaj UEA ekakceptas kreditkartojn (vd. p. 183), indas atenti la profesian laboradon de Tutmonda Asocio de Konstruistoj Esperantistaj (TAKE), kiu jam pli ol jaron aktivas en la franca Alzaco.**

En septembro 1993 atingis nin la provnumero de *La Domo — Jarcento 21*, trimonata revuo de TAKE, kiu jene difinas la celojn de la asocio: "arigi ĉiujn E-parolantajn fakulojn pri konstruado; antaŭenigi Esperanton en la ekonomia mondo; disponigi informojn kaj servojn al entreprenestroj kaj domloĝantoj". Jen impona lanĉo de grandformata periodaĵo en 800 ekzempleroj por "disponigi revuon al aliaj profesioj ol la instruista"; tamen, en Esperantujo elanaj inciatoj ofte pereas sen eĥo . . .

Sed ne tiu de TAKE. Ĝia ĵusa ĝenerala asembleo ĉe la sidejo (RN 83, rue de Tiefenbach, FR-68920 Wintzenheim/Colmar, Francio; tel. +33/89-79-79-92; faks. -93), kies kunvenintoj reprezentis jam 90-kapan membraron, notis riĉan agadon:

*La Domo*, redaktata de Edmond Ludwig, aperas ne plu nur en Colmar, sed ekde julio 1994 ankaŭ en Chizou (Ĉinio), sub prizorgo de WANG Xigen. Ĉi-okaze TAKE dissendis informilon al pli ol mil alzacaj entreprenoj, proponante "kribritan klientaron ne troveblan per tradicia merkatada servo", sed atingeblan per reto de e-istaj kontakt-personoj — ekzemple en Ĉinio. Efektive, TAKE-delegitoj troveblas jam en 15 landoj.

TAKE surmerkatigis tri alzacajn vinojn dulingve etikeditajn de la kultivisto Philippe Gocker (vd. dekstre). Temas pri altkvalitaj trinkaĵoj, ĉar la Franca Unio de

Enologoj, la plej prestiĝa asocio de vinfakuloj en Francio, aljuĝis al Gocker premiojn por du vinoj el la rikolto de 1989. La "dulingvaj" vinoj premieris la 17-an de junio, kaj Gocker prezentos novan ŝaŭmvinon je Kristnasko.

Varoj rekte ligitaj al E-o estas trilingvaj bildkartoj kun lokaj motivoj, kaj precipe la plurkolora, adaptebla ekspozicia budo, kiun realigis TAKE-skipo. TAKE jam sukcese elprovis ĝin en lokaj informaj aranĝoj. Pri la ruĝkoloraj E-reklamŝildoj ni jam raportis (jun., p. 118).

TAKE strebas starigi fakajn komisionojn: jam funkcias tiuj pri terminologio de konstruado kaj arkitekturo, pri komunikado kaj reklamo, kaj pri komerco de produktoj, t.e. rilatoj kun TAKE-delegitoj kaj serĉado de novaj klientoj.

La asocio nun planas eldonon de konsilaro por krei TAKE-filiojn, antaŭvidas serion da prelegoj, vingustumadojn, kaj surmerkatigon de viandoj kaj saŭrkraŭto de loka kooperativo. Ĝi organizos la 50-an kongreson de Sennacieca Asocio Tutmonda en Mittelwihr, paske de 1995.

La estraro de TAKE konsistas el spertuloj: prezidanto Michel Basso estras konstru-firmaon; ĝenerala sekretario Jean-Pierre Cancel estis direktoro en la Komerca Ministerio; kasisto Bruno Schmitt, profesoro pri matematiko, prezidas la Universitaton de Colmar. Vicprezidas Volker Hank (Germanio), konstru-inĝeniero; WANG Xigen (Ĉinio), oficisto; kaj Renée Triolle, kiu ĝis 1994 prezidis Unuiĝon Francan por Esperanto.

La amaskomunikiloj interesiĝas pri TAKE: regionaj ĵurnaloj dediĉis plurajn artikolojn al "Esperanto, lingvo de komerco". Artikolis pri TAKE la fama germana gazeto *Frankfurter Rundschau*. Cancel estis intervjuita en loka televido, kaj Gocker aperis ĉe tutlanda kanalo (vd. p. 199).

Cancel pledas por ke Esperanto iĝu "dezirata produkto", ke oni vendu ĝin "kiel luksan produkton de la 21-a jarcento". Ludwig formulas la TAKE-celojn tre konkrete: "1. havigi monon al niaj membroj, al nia asocio por financi la rezulton de nia terminologia laboro, kaj la ĝeneralan movadon per reklamado en E-gazetoj; 2. vidigi Esperanton al la publiko inter la aliaj lingvoj, sur produktoj de la ĉiutaga vivo; malfermi nin al la ekstero, sen ideologio; 3. doni al Esperanto iom da prestiĝo komprenebla de amasoj kaj de elitoj". ★




*Philippe Gocker: dulingvaj vinboteloj*



*Teatro:*

## Ĉu turneos *Paperaj revoj*?

La unua privata bulgara pupteatro, Aut, kaj pliaj 18 teatroj el 9 landoj partoprenis en la 27-a Pupteatra Internacia Festivalo (PIF) de la 27-a de aŭgusto ĝis la 1-a de septembro en Zagrebo. La Esperanta teatraĵo el Bulgario, kreita laŭ la teksto *Saluton, sorĉistinoj, kaj adiaŭ* de Pierre Gripari, gajnis unu el la kvar festivalaj diplomoj de la internacia faka ĵurio. (Surfote: sorĉistino de Aut.) La adreso de Aut: Tomas Imov, BG-1197 Sofia, Bulgario.

Du aliaj prezentaĵoj okazis en Esperanto. Grandan aplaŭdon rikoltis, same de la infana publiko kiel de la pupistaj "kolegoj", *Paperaj revoj* de infana trupo el la insulo Veli Lošinj en Kroatio. Tie jam de tri jaroj loĝas rifuĝintoj el diversaj militregionoj. Deko da infanoj el lernejo por rifuĝintoj sekvis someran Esperanto-kurson (17-24 julio) ĉe Slavica Babinka kaj Klaus Dahmann. Dum la kurso ili preparis la pupteatraĵon, kiun reĝisoris Dubravka Zrnčić, mem rifuĝintino el Sarajevo. La infanoj esperas realigi eksterlandan turneon (p/a Internacia Kultura Servo, pp 499, HR-41000 Zagreb, Kroatio).

**Spomenka Štimec (Kroatio)**

# Esperanto en radio



## Radioelsendoj en Esperanto
## Kompleta listo laŭ la stato en oktobro 1994

| Tagoj | Tempo (UTC) | Stacio | Ĉefa celregiono, frekvencoj (kHz) |
|---|---|---|---|
| ĉiutage | 03.30-04.00 | R. Bandeirantes | Brazilo/cetera Ameriko: 11925 |
| dimanĉe | 04.05-04.30 | R. Aŭstrio | Eŭropo: 6155 13730<br>Proksima Oriento: 15410 |
| sabate | 06.30-07.00 | Litova Radio | Eŭropo: 9710 (nur lastan sabaton de monato) |
| dimanĉe | 07.00-07.30 | R. Havano | Nord-Ameriko/Pacifiko: 6060 |
| ĉiutage | 11.00-11.25 | R. Pekino | Orienta Azio: 6955 9480 |
| ĉiutage | 13.00-13.25 | R. Pekino | Suda Azio: 11650 11840 |
| dimanĉe | 13.05-13.30 | R. Aŭstrio | Eŭropo/Afriko: 6155 9870 13730<br>Azio: 15450 |
| ĉiutage | 14.30-14.55* | Pola R. | Eŭropo: 6135 7145<br>9525 9540 11815 |
| dimanĉe | 15.00-15.30 | R. Havano | Ameriko/Karibio: 11760 |
| dimanĉe | 18.30-19.00 | R. Havano | Afriko/Mediteraneo: 17760 |
| sabate | 20.00-20.20 | RAI, Romo | Eŭropo: 7275 9755 11800 |
| ĉiutage | 20.00-20.25 | R. Pekino | Eŭropo: 7405 7470 9965 |
| dimanĉe | 20.20-20.29* | R. Vatikano | Eŭropo: 527 1530 (mezondo);<br>3945 5882<br>Afriko/Proksima Oriento: 7305 |
| merkrede | 20.20-20.34* | R. Vatikano | 1611 (mezondo); 6185 7365 |
| ĵaŭde | 21.15-21.30* | Estona Radio | Norda Eŭropo: 5925 |
| ĉiutage | 21.30-21.55* | Pola R. | Eŭropo: 5995 6135 |
| dimanĉe | 22.00-22.30 | R. Havano | Eŭropo/Mediteraneo: 17760 |
| merkrede | 22.15-22.30* | R. Sarajevo | Eŭropo: 612 (mezondo); 6980 |
| ĉiutage | 22.30-22.55 | R. Pekino | Suda Ameriko: 9480 11515 |
| dimanĉe | 23.30-24.00 | R. Havano | Ameriko: 11760 11970 13660 |

* ekde 1995-03-26 unu UTC-horon pli frue
Mez-Eŭropa (Vintra) Tempo = Universala Tempo (UTC) + 1 horo
Mez-Eŭropa Somera Tempo = Universala Tempo (UTC) + 2 horoj

**Nombro de Esperantaj elsendoj internaciaj en semajno: 62-63**
**Entuta elsendotempo en semajno: 26 horoj 28 minutoj**

Elsendoj pere de satelito: *Pola Radio* (dimanĉe 11.30-11.55): Eutelsat II-F3, 16 gradoj de la orienta longitudo, frekv. 11080 GHz, polarizado H(orizontala), aŭdofrekv. 8,28 MHz; *Radio Vatikano* (dimanĉe): Eutelsat II-F1, 13 gradoj de la orienta long., frekv. 11554 GHz (MBC), polarizado H, aŭdofrekv. 7,74 MHz

### Kelkaj lokaj radioelsendoj

Aŭstralio: Radio 3.ZZZ 92,3 FM (Etna Radio), P.O. Box 1106, Collingwood, Victoria 3066
Brazilo: Radio Rio de Janeiro, Brazila Spiritisma Federacio, Arda Passos 30, BR-20051-000 Rio de Janeiro
Francio: Radio Esperanto, 145 rue Amelot, FR-75011 Paris
Hispanio: Radio Klara, 102,6 FM, F.N. Clemente, Calixto III, 36, ES-46008 València
Hungario: Esperanto Radio, HU-1800 Budapest
Italio: Radio Radicale, Via Principe Amedeo 2, IT-00185 Roma
Nov-Zelando: Access Radio, Wellington (David Ryan, P.O.B. 3867 Wellington)

*Ĉiujn informojn pri radio bonvolu sendi al la redaktoro de tiu ĉi rubriko: s-ro Josef Lechermeier, Waldeysenstr. 19/311, DE-85057 Ingolstadt, Germanio. Se eblas, bonvolu almeti reafrankon.*

### Korespondadresoj kaj ĝeneralaj informoj

Radio AŬSTRIO Internacia: AT-1136 Wien ( = Vieno), Aŭstrio (tel. +43/1/87878-3636; fakso +43/1/87878-3630).

Radio BANDEIRANTES: San-Paŭlo, Brazilo.

ESTONA Radio: EE-200100 Tallinn, Estonio.

Radio HAVANO: Apartado 62-40, La Habana, Kubo (telekso 51 1344 rhc cu). Dimanĉe trifoje al Ameriko kaj dufoje al Mediteraneo kaj Eŭropo. En Eŭropo kelkfoje bone kaptebla.

LITOVA Radio, Vilno: Radiocentras, A.D. 1792, LT-2019 Vilnius, Litovio. Lastan sabaton de ĉiu monato.

Radio PEKINO: 2 Fuxingmenwai Avenue, Beijing 100866, Popola Resp. Ĉinio. Ĉiutage 4-foje al diversaj mondregionoj; la elsendo por Eŭropo okazas ekde la 20-a horo laŭ UTC.

POLA Radio, Varsovio: Skrytka pocztowa 46, PL-00950 Warszawa, Pollando (tel. +48/22/459-358, +48/22/459-337; fakso +48/22/444-123). Disaŭdigas ĉiutage 2 programojn, ĉefe por eŭropaj aŭskultantoj.

RADIOTELEVISIONE ITALIANA (RAI): C.P. 320, IT-00100 Roma, Italio. Sabate 20-minuta programo por Eŭropo.

Radio SARAJEVO: fakso +387/71/455-141. Korespondajoj al Internacia Kultura Servo, Amruševa 5, pk. 499, HR-41000 Zagreb, Kroatio.

Radio VATIKANO: IT-00120 Città del Vaticano (fakso +39/6/698 3844). Dufoje semajne por aŭskultantoj en Eŭropo kaj en la Proksima Oriento.

# Radiokurso el la nenio



*Charly intervjuegas s-ron U. J. Moritz.*

Fotis: usm

Dum la Trilanda Renkontiĝo en Aĥeno (vd. junio, p. 111) envenis la salonon stranga radio-raportisto kun du surbendigiloj kaj pluraj mikrofonoj ĉirkaŭ la kolo. En sia skeĉo Charly (Karl-Heinz Hartmann), de la Civitana Radio de Anteno AC, rakontis tute seriozajn aferojn:

— Antaŭ ol mi konatiĝis kun la ge-Moricoj [Ursula Schnelle-Moritz kaj Uwe Joachim Moritz], Esperanto ne ludis rolon ĉe ni en la radio. Sed ili sukcesis entuziasmigi min kaj la gekolegojn por fari programojn per Esperanto [vd. nov. 1992, p. 188]. Kaj iun tagon ili aperis kun la ideo elsendi lingvokurson. "Kia sensencaĵo!" pensis kelkaj kolegoj. "Unue, neniu volas tion aŭdi, kaj due, tio tute ne fareblas." Sed la ge-Moricoj kreis 40-lecionan radiokurson simple el la nenio. Tiam restis trovi stultan lernonton: min! Ni elsendis la lecionojn tra tuta jaro, ekde novembro 1992, duonhoron en ĉiu ĵaŭdo.

— Ni ankaŭ havis aŭskultantojn. Alvenis poŝtaĵoj, kelkaj hejme eĉ faris skribajn ekzercojn. Ankaŭ Esperantan muzikon ni prezentis: ĉiu loĝanto de la regiono Aĥeno nun konas, ekzemple, la grupon Kajto.

— Nuntempe ni daŭrigas per lecionoj de "Dua Kurso" kaj prezentante tekstetojn, ofte el *Monato*. Ĉiufoje ni mencias iujn E-eventojn.

— Tute firme mi kredas ke ni estas pioniroj sur la tereno "Esperanto en privata radiostacio germana". Tio eblas nur en la civitana radio, kie ĉiutage unu horo estas rezervata por programoj kiujn la civitanoj mem rajtas fari — specifaĵo de Nordrejn-Vestfalio.

Karl-Heinz Hartmann
"Radio Antenne AC"/Bürgerradio
Drimbornshof 3
DE-52249 Eschweiler, Germanio

# Kalendaro 1994-95



**decembro**

17-06: **Tria Afrika Kongreso**, Winneba, Ganao (Hans Bakker, Kastelenstr. 231, NL-1082 EG Amsterdam, Nederlando)

27-03: **38-a Internacia Seminario de Germana E-Junularo**, Tübingen (Marc Stessgen, Hagedornstr. 6A, DE-51069 Köln; temo: "Rubo")

27-03: **11-a Internacia Festivalo**, Kassel/Sensenstein, Germanio (Hans-Dieter Platz, Pf. 1148, DE-34305 Niedenstein; tel./faks. +49/56-24-80-07)

**1995**

**januaro**

04-08: **60-a Nov-Zelanda E-Kongreso**, Velingtono (Don Rogers, 44 Dowse Drive, NZ-6009 Lower Hutt, Nov-Zelando)

09-21: **11-a Aŭstralia E-Somerlernejo**, Adelajdo (Max Wearing, 30 Westbury Street, Hackney SA 5069)

09-19 majo: **Kvarmonata intensa E-kurso**, Karlskoga, Svedio (Karlskoga Folkhögskola, Box 192, SE-691 24 Karlskoga; tel. +46/586/503-60; faks. 370-77)

**aprilo**

01-02: **Dana Jarkongreso**, Naestved, Danio (E-Unuiĝo de Naestved, Fyrrevaenget 4, DK-4700 Naestved)

12-18: **19-a Internacia Junulara Festivalo**, proksime al Pizo, Italio (Itala E-ista Junularo, c/o Anna Cimossa, via Emilio Brusa 9, IT-10149 Torino)

14-21: **11-a Printempa Semajno Internacia**, Waldfischbach-Burgalben, Germanio (Wolfgang Bohr, Johannes-Kirschweng-Str. 11, DE-53474 Bad Neuenahr-Ahrweiler; tel. +49/2641/4885; faks. 2641/978-666)

15-18: **50-a Kongreso de SAT-Amikaro**, Mittelwihr, Francio (SAT, 67 ave. Gambetta, FR-75020 Paris)

15-22: **Infana semajno**, Grésillon, Francio (Paulette Naulet, FR-49490 Breil)

21-23: **Skota E-Kongreso**, Glasgovo, Britio (M. Casey, 9 Flora Gardens, Bishopbriggs G64 1DS, Skotlando)

**majo**

01-06: **Esperantaj Printempaj Tagoj**, Krakovo, Pollando (Antoni P. Tabacki, skr. poczt. 490, PL-40-900 Katowice; kun didaktika kunveno de la pola ILEI-sekcio)

20-26: **47-a Kongreso de Internacia Fervojista E-Federacio**, Pécs, Hungario (47-a Kongreso de IFEF, Pf. 7, HU-1378 Budapest)

**junio**

02-06: **Dua Esperanto Eŭrop-Unia Kongreso**, Parizo (LKK, p/a UFE, 4 bis rue de la Cerisaie, FR-75004 Paris, Francio; tel. +33/42-78-68-86; faks. 42-78-08-47)

30-07: **31-a Aŭstralia E-Kongreso**, Southport (E-Federacio de Kvinslando, 19 Sherley Street, Moorooka, Qld., Aŭstralio 4105)

**julio**

18-22: **61-a Internacia Kongreso de Blindaj E-istoj**, Tuusula, Finnlando (Arvo Karvinen, Federacio de Vidhandikapitoj, Mäkelänkatu 50, FI-0510 Helsinki)

22-29: **80-a Universala Kongreso de Esperanto**, Tampereo, Finnlando (CO de UEA, adreso en la kolofono)

29-04: **28-a Konferenco de ILEI**, Porvoo, Finnlando (Bertil Andréasson, Södra Rörum pl. 455, SE-242 94 Hörby, Svedio)

31-07: **51-a Internacia Junulara Kongreso**, Sankt-Peterburgo, Rusio (LKK, p/a Jelena Lebedeva, Dzerzhinskogo 45/6-63, RU-153025 Ivanovo; tel. +7/0932/621-408; faks. +7/095/292-65-11; temo: "Aktivismo: junularo, kiu ne nur dancas")

**septembro**

1-3: **Skota Aŭtuna Semajnfino**, Dunblane, Britio (Albert Goodheir, 16 Woodlands Drive, Coatbridge ML5 1LE, Skotlando)

# Reto Rossetti (1909-1994)



La 20-an de septembro mortis Reto Rossetti en la brita Gosport.

Li naskiĝis la 11-an de aprilo 1909 en Tiĉino, la itallingva parto de Svislando, kvankam la elmigrintaj gepatroj konatiĝis en Skotlando, kie naskiĝis la kvar aliaj infanoj. Reto kreskis en Skotlando, kie li poste studis en Edinburgo ĉe arta altlernejo kaj universitato.

Kun sia frato Cezaro (1902-1950) li "studis Esperanton pro pure teoria intereso. En 1929, koniĝo kun la Edinburga SAT-klubo, tiam en plena florado (kun 150 komencaj kursanoj!) flamigis la entuziasmon de ambaŭ" — li skribis antaŭparole al la romano *Kredu min, sinjorino!* de sia frato. En tiu klubo li baldaŭ ekinstruis la lingvon, kaj du jarojn poste li jam aperigis poemojn. Ekde 1935 li kontribuis al *Literatura Mondo*, kies lastan periodon (1947-49) li aparte riĉigis per originaloj kaj tradukoj.

Kvazaŭ por simboli sian kunlaboreman naturon, libroforme li debutis per komuna volumo, la epok-malferma *Kvaropo* (1952), kiu enhavis lian poemaron *Oazo*. Sekvis la novelaro *El la maniko* (1955, 1984), en tiu "vigla kaj riĉe esprimpova familiara stilo" (Tazio Carlevaro), pri kiu Rossetti mem tro modeste opiniis: "mia stilo ne posedas grandan meriton en si mem, sed nur la cetere malalta nivelo de lingvouzo en Esperanto tro reliefigas ĝin" ("Leterbabiloj al la frato", *Literatura Mondo*, mart.-apr. 1948, p. 33). Same kiel la unuajn du librojn, Stafeto eldonis lian poemaron *Pinta krajono* (1959). Liaj originalaj verkoj krome ampleksas la artikolaron *Spegulo de Esperantaj stiloj* (1976), kiu aperis ampleksigite en lia esearo *Arto kaj naturo* (1989). Rossetti verkis eĉ instrucele, la sondramon *Liza kaj Paŭlo* (1984).

Ankaŭ lia traduka debuto estis aklamita. La Ŝekspiran *Otelo* li tradukis jam por prezento en la Skota Kongreso de 1951 (William Auld ludis Otelon, Rossetti mem Jagon, kaj lia edzino Karola rolis Desdemonan), sed li eĉ dufoje tralaboris ĝin antaŭ la fina apero en 1960. Liaj tradukoj inkluzivas *Kantoj, poemoj kaj satiroj* de Robert Burns (1977, kun Auld), la farsan operon *La piratoj de Penzanco* de Gilbert kaj Sullivan (1979), kaj pecojn en *Angla antologio* (1957), kies prozan parton li redaktis.

Al Rossetti ni ŝuldas tri signifajn antologiojn: krom la menciita, li kunredaktis la novel-kolektojn *33 rakontoj* (1964, kun Szilágyi) kaj *Trezoro. La Esperanta novelarto 1887-1986* (1989, kun Henri Vatré). Kiel konsilanto de Stafeto, li redaktis la postmorte eldonitan romanon *Vivo kaj opinioj de majstro M'saud* de Jean Ribillard (1963).

Prelegints pri "La kimraj artofestoj" dum la unua Somera Universitato (1948), en la posta jaro li proponis

# Dormo por li ne necesis

Mi unue kontaktiĝis kun Reto Rossetti en 1948, kiam mi deĵoris en la angla urbo York. Li skribis afablan leteron pri iuj poemoj miaj, kaj samtempe invitis min elekti eseon de Francis Bacon taŭgan por la *Angla Antologio*, kiun li tiam komencis redakti. La letero rezultis de lia konateco kun William Auld, kiu montris la poemojn kaj menciis mian admiron pri Bacon al li.

Baldaŭ poste, Rossetti translokiĝis de Kimrio al la marborda urbeto Troon en Skotlando, kaj mi reiris al Glasgovo. Nur horo pertrajne disigis la du urbojn, kaj de tiam Rossetti, Auld kaj mi regule renkontiĝis — ĝenerale kiam Auld kaj mi iris al Troon, kie Rossetti kaj lia edzino Karola, kies toleremo kaj pacienco nun vere mirigas min, gastigis nin dum magiaj semajnfinoj.

Magiaj, ĉar la konversacio de Rossetti estis por mi revelacio; ĝi plenplenis de tropoj kaj parolturnoj tiel freŝaj kaj penetraj kaj bildigaj ke estus apenaŭ troige diri ke li parolis poezion. Ili elfluadis tiel senpere ke foje oni ridis ne estante certa ĉu pro iu spritaĵo, aŭ ĉu pro pura ĝuado de la akumuliĝantaj brilaĵoj.

Li invitis min kunlabori kun Auld kaj li super la *Antologio*, kaj tio nature postulis zorgan redaktadon de mia ankoraŭ kruda Esperanto, sed fakte li pli ol redaktis: li kuraĝigis, gvidis, sugestadis, ĉiam tre ĝentile, kun simpatio kaj pacienco, ne nur rilate miajn kontribuojn al la *Antologio*, sed ankaŭ rilate miajn originalajn provojn. Tipa sinsekvo de lia kritikado estus: "Interese!" (Tio signifis ke io mankas.) Post paŭzo: "Tiu ĉi dua verso ne plaĉas al mia orelo." Post dua paŭzo: "Jes, vidu: tiu 'a' en emfaza vokalo antaŭ la cezuro bezonas ekvilibran 'a' en la dua hemistiko; alie, la verso povre forsiblas." Alivorte, li nek pedante kribris la versojn serĉante difektojn, nek facilanime kondamnis pro instinkta reago. Anstataŭe, li permesis al la tuta verko impresi; poste, li konsideris la impreson, kaj turnis sian atenton al tiuj partoj kiuj ne plaĉis; fine, li analizis tiujn por izoli la difektojn. Modela metodo, precipe ĉar oni povis fidi lian orelon! Foje, se li disponis tro da tempo por konsideri, li volis rafinadi preter la pinto de perfekto, sed tio ĝenerale okazis kiam temis pri liaj propraj verkoj, kaj mi maloftege malakceptis liajn sugestojn pri miaj.

Dormo por li ŝajne estis nenecesa. Li priskribis al mi kiel li kaj lia frato sidis babilante, kaj ne povis kredi kiam la ĉirpado de birdoj avertis ke preter la kurtenoj estas denove taglume. "Neniu normale sana homo domaĝas ununoktan dormon," li asertis, kaj lia kriterio de vere sukcesa okazo estis: "Ni malmulte dormis." Mi memoras okazon kiam je la kvina matene li paŭzis dum

relanĉi la iamajn "Florajn Ludojn". Sekve, Lapenna ellaboris kun li la regularon de Belartaj Konkursoj, kiuj startis en 1950. Rossetti funkciis kiel ties konstanta sekretario inter 1950 kaj 1953, kaj kiel juĝkomisionano kelkajn jarojn plu. Estante lektoro en artinstruista kolegio kaj poste estro de fakultato pri art-pedagogio en Bristolo, li prelegis ankaŭ en sekvaj Someraj Universitatoj pri belartaj kaj aliaj temoj. Lian grafikan talenton atestas diversaj ilustraĵoj, vinjetoj en *Esperanto*, aŭ la portreto de Zamenhof kiu ornamas *Esperanta Antologio*.

Rossetti estis kunredaktoro de *Esperanto en Skotlando* kaj ĝia ofta aŭtoro ekde la komenco (1947). Li kunlaboris al *La Nica Literatura Revuo, Norda Prismo, Literatura Foiro* k.a. Kvankam mallongdaŭre, li helpredaktoris (dec. 1954 - aŭg. 1955) kaj redaktoris (sept.-okt. 1955) ĉi tiun revuon. Rememorante pri tiu tempo (majo 1989, p. 92), li rivelis sian unike familian labormetodon: "Mi atingis koncizigon de ofte pufaj raportoj el la Esperanta mondo per duobla taktiko. Unue mi reduktis la tekstojn kaj poste la edzino, ne vidinte la originalojn, prenis la resumojn kaj reduktis ilin pli."

Rossetti estis membro de la Akademio (1968-1989) kaj (ekde 1948) delegito aŭ fakdelegito de UEA, kiu en 1982 elektis lin Honora Membro.

"Kia malgaja konstato, ke eĉ ne unu homo el miliono plenumas tion, kion li kapablas! Ke la homaro estas tiel riĉega je latentaj povoj, sed necesas ia Renesanco aŭ Elizabeta epoko por irigi ilin!" — bedaŭris Rossetti en siaj "Leterbabiloj". La propraj plenumoj de ĉi tiu nobelo de la lingvo, intelektulo kompetenta sur multaj kampoj de arto kaj klero, atestas pri renesancaj kapabloj de Reto Rossetti. ★

---

vigla deklamado de poezio por komenti: "Sed vi aspektas lace." Antaŭ miaj okuloj ŝvebis la vizaĝo de Auld, papere blanka pro lacego, kaj ĉar mi vidis du, mi konfesis ke mi estas iom dormema. "Do ni povas havi pli da nigra kafo kaj daŭrigi," li sugestis, "aŭ enlitiĝi nun kaj vigli frue." Mi ne memoras ĉu tio estis nur unu, aŭ du, aŭ tri nokto(j) sen dormo.

Lia kono pri Ŝekspiro estis fenomena; liaj penetre prudentaj komentoj hontigus plej multajn kontribuantojn al la tiel nomata Ŝekspir-industrio. Kiam mi lastfoje vidis lin, en 1983, lia konduto foje ŝajnis nekarakteriza, kaj mi konkludis ke aĝo eĉ tiam degenerigas lin, sed je unu punkto mencio pri la ne tre populara Ŝekspira teatraĵo *Cymbeline* stimulis serion de komentoj kaj aludoj tute laŭ la aŭtenta Rossetti: senescepte konsekvencaj, trafaj kaj prudentaj, kiuj supozigus ke li ĵus relegis la verkon.

Mi ankaŭ aparte memoras kiel, dum sufiĉe longa promeno, li taksis varion de temoj, de la fono de ilustra artisto kiun mi aparte ŝatis dum mia junaĝo, sed kiun mi konis nur kiel la subskribon Geo. M. (George Morrow, fakte) ĝis komparo inter la teatra kaj filma prezentoj de la Oliver-a *Rikardo Tria*.

La plezuro kiun mi tiam sentis aŭskultante lin revokis la magion de antaŭ kvardek jaroj, kaj tiel mi volas memori lin.

**John Francis (Britio)**

# Belartaj Konkursoj de UEA en 1995

**UEA denove invitas** verkemulojn en la arenon de la Belartaj Konkursoj, lanĉitaj en 1950 laŭ iniciato de la ĵus forpasinta Reto Rossetti. Jam centoj da esperantistoj provis sian talenton en tiuj ĉi olimpikoj de la Esperanta kulturo, en kies premiolistoj la publiko unuafoje renkontis nomojn kiuj nun difinas la Esperantan literaturon de la lastaj jardekoj.

En la longa historio de la Belartaj Konkursoj la jaro 1994 apartenis al la malpli fekundaj. Tiom pli forta do estas la ĉi-foja invito por provi konkeri la premiojn kiujn oni aljuĝos dum la UK en Tampereo.

Ĉiuj konkursaĵoj devas esti novaj kaj, escepte de la infanlibroj, ne publikigitaj. Krome validas jenaj kondiĉoj:

**Poezio:** Maksimuma longo ne fiksita. Tri premioj.

**Prozo:** Maksimuma longo 200 x 65 tajpospacoj. Tri premioj.

**Teatraĵo:** Maksimuma longo ne fiksita. Tri premioj.

**Eseo:** Teme ligita kun Esperanto aŭ kun la temo de la 80-a UK: "'Ni, la popoloj' — unu mondo aŭ disaj eroj". Premio "Luigi Minnaja".

**Kanto:** Teksto kaj melodioj povas esti de malsamaj aŭtoroj. Premio "An-okin".

**Vidbendo:** Temo prefere ligita kun Esperanto. Maksimuma daŭro 30 minutoj. Sistemo VHS/PAL. Tri premioj.

**Infanlibro de la Jaro:** Originala aŭ tradukita libro, presforme aperinta en 1993. Unu premio.

**Sendo:** Oni rajtas sendi maksimume tri konkursaĵojn por sama branĉo. Por poezio, prozo, teatraĵo, eseo kaj kanto oni sendu ilin en kvar ekzempleroj; por la infanlibra branĉo en tri ekzempleroj. Ĉiuj alvenu plej laste la 31-an de marto 1995. Por vidbendo oni sendu po unu ekzempleron ĝis la 1-a de julio 1995. Ĉion oni adresu al: Belartaj Konkursoj de UEA, Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando.

La konkursaĵoj (krom vidbendoj kaj infanlibroj) estu pseŭdonimaj. La vera nomo kaj adreso estu en aparta koverto. Se eble, oni aldonu 5 internaciajn respondkuponojn por ĉiu branĉo en kiu oni konkursas.

**Premioj:** Unua premio: 390 gld. Dua premio: 273 gld. Tria premio: 156 gld. Luigi Minnaja kaj An-okin: 390 gld. Nova Talento (por la plej bona konkursanto antaŭe ne premiita): 273 gld. Infanlibro: 819 gld.

**Publikigo:** La rajto je la unua presigo de la premiitaj verkoj apartenas al UEA, kiu ankaŭ poste rajtos aperigi ilin senpage en antologio de la Konkursoj.

**Detala regularo** haveblas kontraŭ unu respondkupono.

# Kongresa komuniko 1

Fotis: Simo Rista



*Finne Tampere-Talo, Esperante Tampere-Halo: kvazaŭ konstruita por hejmigi UK-on*

## 80-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

**Tampereo (Finnlando), 22-29 julio 1995**
**Konstanta adreso: 80-a UK, Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando; tel. +31 10 436 10 44; telegramoj ESPERANTO ROTTERDAM; telefakso +31 10 436 17 51**
**Adreso de LKK: 80-a UK, PL 338, FI-33101 Tampere, Finnlando; telefakso +358 31 652 124**

**Alta Protektanto:** La Prezidento de la Respubliko Finnlando, Martti Ahtisaari, akceptis tiun honoran postenon. Antaŭ ol elektiĝi prezidento li faris longan karieron kiel diplomato, interalie kiel Asista Ĝenerala Sekretario de Unuiĝintaj Nacioj kaj gvidanto de la sendependiĝa procezo de Namibio.

**Kongresejo:** Tampere-Halo, inaŭgurita en 1990, estas la plej moderna kunvenejo en Finnlando, kaj unu el la plej belaj kaj taŭgaj kongresejoj de UK-oj ĝis nun. Ĝi donos lokon por ĉiuj kongresaj aktivaĵoj sub unu tegmento.

**Glumarko, afiŝo:** Bela dukolora kongresa glumarko, taŭga ornamaĵo de viaj poŝtaĵoj, estas mendebla ĉe la Libroservo de UEA (1 folio kun 6 markoj = 3,30 gld.), same kiel kongresa afiŝo kun la bildo de la kongresejo (3 afiŝoj = 10,20 gld., pluaj po 2,70 gld.).

**Unua Bulteno:** Ĝi estis dissendita al ĉiuj individuaj membroj de UEA, ĉiuj kongresanoj de la 79-a UK en Seulo, al la kongresaj perantoj kaj landaj asocioj. La CO kaj LKK volonte sendas deziratajn kvantojn al lokaj kluboj, fakaj asocioj kaj organizantoj de renkontiĝoj.

**Kongresa Temo:** "'Ni, la popoloj' — unu mondo aŭ disaj eroj", lige al la 50-jara jubileo de UN. La priteman programon kunordigos Mark Fettes (adreso en la kolofono). Okaze de la jubileo oni planas organizi modelan UN-Asembleon, kiun preparas kaj kunordigas Geoffrey Greatrex (Exeter College, Oxford, Britio OX1 3DP).

**Internacia Kongresa Universitato:** La rektoro de la 48-a sesio de IKU estos d-ro Jouko Lindstedt, profesoro pri slava filologio ĉe la Universitato de Helsinko, tre aktiva kunlaborinto de pluraj E-revuoj.

**Loĝado:** LKK rezervis lokojn en preskaŭ ĉiuj hoteloj en distanco de 2 km-oj ĉirkaŭ la kongresejo. Krom sufiĉaj ĉambroj en la 4-stelaj hoteloj (kie loko en dulita ĉambro kostos ĉ. 90 gld.), estas ankaŭ multaj lokoj en malpli altprezaj 3-stelaj hoteloj (ĉ. 70 gld. por lito en dulita ĉambro). Tiuj prezoj (inkluzivantaj matenmanĝon) povus tamen ŝanĝiĝi, depende de eventuala aliĝo de Finnlando al Eŭropa Unio. LKK rezervis multajn lokojn ankaŭ en junularaj gastejoj kaj studentaj loĝejoj diverskategoriaj (ekde 30 gld. tage, plej ofte

kun matenmanĝo). Ekzistos amasloĝejoj, kontraŭ ĉ. 70 gld. por la tuta semajno.

**Ekskursoj** konkurencas unu kun alia per sia logeco. Ses tuttagaj ekskursoj celos lagojn, arbarojn, Helsinkon, lignoindustrion, nordajn flaŭron kaj faŭnon, kaj la pitoreskan urbon Raŭmo. Unu el la ekskursoj proponos la travivaĵon de nokto en arbara kabano. Vespera ekskurso invitos al subĉiela, tradicie finna dancejo. Kompreneble, ne mankos (duontaga) ekskurso al saŭno! Krome eblos urborigardado, vizito al tipe finna bieno, krozado sur lago, kaj aliaj aventuretoj.

**Antaŭkongreso** (17-22 julio) invitas al Turku, histori-riĉa eks-ĉefurbo de Finnlando, kaj al la belaĵoj de la regiono. Apartan ĉarmon de arkipelago malkovros la spektakla tuttaga ekskurso al insularo unika laŭ siaj flaŭro kaj faŭno, kaj ne malpli logos vizito al Naantali, la pitoreska urbeto kie la finna prezidento somerumas. La programo enhavos movadajn programerojn kiuj promesas agrablan amikecan etoson – kombinitan kun la fidinda finna organiza stilo.

**Postkongresoj:** Du el ili gvidos al vizitindaj urboj en najbaraj landoj: la estona Tallinn kaj la rusa Sankt-Peterburgo; eblos "gustumi" la lokajn pejzaĝon, kulturon – kaj E-movadon. Du aliaj postkongresoj celos finnajn regionojn: naturbelaĵojn de la orienta lagaro, kaj Laponion.

**Internacia Infana Kongreseto:** Post paŭzo en 1994, IIK denove arigos infanojn, kiujn atendas la komforta feriejo Ruskeapää en Tottijärvi, 30 km-ojn de Tampereo, meze de naturo. La kotizo por la tuta semajno estos ĉ. 420 gld. Interesataj gepatroj nepre unue kontaktu la UEA-komisiiton pri IIK: Christopher Fettes (St Columba's College, Rathfarnham, Dublin 14, Irlando).

**Blindula kongreso:** La 61-a Internacia Kongreso de Blindaj E-istoj okazos en la feriejo Onnela (18-22 jul.), en Tuusula, 30 km-ojn norde de Helsinko. La kotizo estas ĉ. 1400 finnaj markoj (ĉ. 500 gld.). Kontaktadreso: Arvo Karvinen, Federacio de Vidhandikapitoj, Mäkelänkatu 50, FI-0510 Helsinki.

**ILEI-konferencon** gastigos (29 jul. - 4 aŭg.) la bela marborda urbo Porvoo, ĉ. 40 km-ojn oriente de Helsinko. Korespondadreso: Bertil Andréasson, Södra Rörum pl. 455, SE-242 94 Hörby, Svedio.

**Aliĝoj:** Ĝis la fino de oktobro jam aliĝis pli ol 300 personoj el 40 landoj. Atendeble pluraj centoj profitos la plej favoran kotizperiodon, kiu daŭras ĝis la jarfino.

**Kotizoj** ĝis la jarfino, en guldenoj (parenteze la sumo por la landoj kun tarifo B): individua membro de UEA (IM) 215 (162); ne-IM 270 (202); kunulo/junulo/handikapulo mem IM 107 (81); kunulo/junulo/handikapulo ne IM 162 (121). ★

*Bakin 90-jara:*

# Esperanto en Bakin (dua parto)

DE SHI CHENGTAI

En Francio Bakin komencis verki sian unuan romanon *La pereo*, kiu debutis sur paĝoj de la fama gazeto *Novela Monatĵurnalo* en Ŝanhajo. Unuafoje li prenis Bakin kiel sian pseŭdonimon, pri kies deveno li mem klarigis jene: Ba estis prenita el la nomo de lia juna amiko Ba Enbo, kiu tre frue forpasis, kaj Kin – el Kropotkin.[4] La romano baldaŭ libroforme estis eldonita de Kaiming-Librejo, en 1929. De tiam Bakin iras sur la vojo de literaturo, per sia plumo rakontas al legantoj amon kaj malamon; triston kaj ĝojon; suferon kaj kompaton; esperon kaj ĉagrenon . . . en la homa mondo. Li oferis fajron el sia koro al ĉinaj junuloj batalantaj por la revolucia kaj liberiga afero de la ĉina popolo ĝis hodiaŭ. Krom verkado li ankaŭ tradukis el la angla, franca, rusa japana kaj Esperanto, por konigi al ĉinaj legantoj la okcidentan kulturon. Lia tradukista kariero ja komenciĝis per Esperanto.

En decembro 1928 Bakin revenis en Ŝanhajon. Li amiko A. A. Sofio (?-1988), redaktoro de Kaiming-Librejo, vizitis lin kaj proponis al li ekloĝi en la sidejo de la tiama Ŝanhaja E-Asocio (ŜEA, 1919-1933) en Baoshan-strato de la kvartalo Zhabei, kion Bakin akceptis. Post duonmonato li transloĝiĝis en loĝejon apud la sidejo. Li aliĝis al ŜEA, baldaŭ estis elektita en ties komitaton, laboris por la asocio, redaktis la organon *La Verda Lumo*, en kiu li publikigis siajn artikolojn ĉinlingve "Pri la originala literaturo de Esperanto" (n-roj 1/2, 3, 1930), "Pri Esperanta literaturo" (n-roj 7, 8, 9/10, 1930), kaj la originalajn verkojn "En la malluma nokto" (n-ro 10/12, 1928), "Mia koro" (n-ro 1/2, 1930) kaj aliajn.[1]

En 1929 Bakin ĉinigis el Esperanto la dramon *Danco de skeletoj* de Akita Uĵaku (1883-1962), japana verkisto, esperantisto. En ties antaŭparolo li skribis: ". . . la 'skeletoj' malaperis antaŭ miaj okuloj. Mi memoris nur pri fonto kaj stepo de sudroj, kiujn mi ŝajnis vidi. Mi sciis ke tia vivo povos alveni. Fonto kaj stepo por la tuta homaro fine estiĝos . . ."[8] Bakin ĉiam deziris porti al siaj legantoj esperon pri estonta bela vivo. Tiun dramon eldonis Kaiming-Librejo en 1930. Li ĉinigis el Esperanto aliajn du teatraĵojn: *La morto de Danton* de A. Tolstoj kaj *La floro de l' pasinto* de E. de Amicis, kiuj unue aperis en gazetoj, poste estis eldonitaj libroforme.[9]

Bakin tre ŝatis la fabelojn de Eroŝenko. En 1930 li kompilis la fabelaron *Ŝipo de feliĉo* de Eroŝenko, kiu enhavas 16 fabelojn tradukitajn de Lusin, Xia Mianzhun, Hujucz, Wang Fuquan, Juemin, Bakin k.a. (Kaiming-Librejo, 1931), kaj kies honorario kaj kopirajto estis donacitaj al ŜEA. En la antaŭparolo Bakin skribis: "Eroŝenko estas amiko konata kaj estimata de ni . . . tiu rusa blinda poeto prenis la malĝojon de la homaro kiel la sian. Li amas la homaron pli ol sin mem. Li, kvazaŭ muzikisto, metis amon al homaro kaj malamon

al la nuna socia sistemo en muzikilan kordon, kun bela kaj trista stilo li ludis, kaj tuŝas niajn korojn . . ." La homar-ama pensado de la blinda poeto forte influis la junan Bakin.

En 1931 aperis romano de Julio Baghy, *Printempo en la aŭtuno*, kiu tuj kaptis la animon de Bakin. Li diris en la antaŭparolo por traduko de tiu verko: "kiam mi legis tiun ĉi romanon de Baghy, miaj okuloj plurfoje vualiĝis de larmoj. Tio estis larmoj de kortuŝiteco kaj, kiel diris la maljuna foira komedianto Majstro Baltazar, la animon fekundiga printempa pluveto".[10] Bakin rapide ĉinigis la romanon, kiu unue estis eldonita de Kaiming-Librejo en 1932, poste dek-kelkfoje reeldonita, kaj kortuŝis, eĉ kortuŝas, animojn de generacioj da ĉinaj junuloj. Bakin mem verkis la romanon *Aŭtuno en la printempo* pri simila amara amtragedio influite de Baghy, kiam li finis la tradukon de ties romano.[11]

Dum li restis en Ŝanhajo, li ankoraŭ ĉinigis aŭtobiografion de Kropotkin, kiu grande influis la karieron de Bakin. Bakin ĉiam rigardis Kropotkin kiel sian imitindan modelon de moralo kaj virto, kaj Kropotkin fariĝis idolo de la juna Bakin.

Ekde 1931 Bakin komencis verki la faman trilogion *Torento*, kies unua volumo *Familio* (1933) tuj gajnis grandan sukceson post apero, kaj Bakin jam iris en la vicon de la tiamaj famaj ĉinaj verkistoj, kvankam nur 27-jara junulo. En la trilogio (*Familio*, *Printempo*, *Aŭtuno*) Bakin donis ampleksan panoramon de la socio dum tiu periodo de la moderna Ĉinio, kaj la trilogio fariĝis monumenta verko en la nova literatura historio.

Ankaŭ ekde 1931 Bakin verkis sian alian trilogion *Amo*, kies unua volumo *Nebulo* aperis en 1931; la aliaj du volumoj estas *Pluvo* (1932) kaj *Elektro* (1933). En ili Bakin skribis kun anarkiisma-komunisma koncepto pri la spirita fizionomio kaj revolucia serĉado de la tiama generacio da junuloj. La trilogio fariĝis plia mejloŝtono sur lia literatura vojo.

En printempo de 1932 Bakin foriris el la loĝejo de la Baoshan-strato, post kiam la japana armeo invadis la kvartalon Zhabei je la 28-a de januaro. La sidejo de ŜEA estis detruita de bombardo. Bakin veturis al la provinco Fujian, komencis migradon de vagabondo (simile al sia spirita frato Julio Baghy!). De tiam li forrestis el la Esperanto-movado, ne partoprenis plu en la aktivado de ŜEA, kiu ankaŭ ĉesis en 1933.

Kvankam Bakin silentis en la movado, tamen li ne kabeis, en sia traduka laboro li ofte uzis E-on: ekz. kiam li ĉinigis la romanon de Turgenjev *Patroj kaj filoj* laŭ la angla versio de C. Garnetti, li referencis al la Esperanta traduko de Kabe.



*Bakin aŭtografas en sia hejmo (1978).*

Bakin entuziasme verkis por la revolucia afero de la ĉina popolo, liaj verkoj vekis emocion de junuloj kaj trafis la malluman socian sistemon sub la tirana regado de Kuomintango. Lia voko al libero kaj demokratio kaŭzis persekutadon de Kuomintango. En 1934 li veturis al Japanio, kie li, loĝante en Jokohamo, verkis fabelon *Turo por longvivigo*, en kiu ni facile trovas influon de Eroŝenko. Bakin diris: "Kiam mi legis *La Silenta Turo* de Oogai, mi subite memoris pri *Turo por fali*[12] de la rusa blinda poeto Eroŝenko, kaj mi diris al mi mem ke mi prove verku fabelon. Antaŭ miaj okuloj aperis ŝanceliĝanta alta turo, kiu ŝanceliĝis nur kelkfoje kaj falis! La enhavo pri *Turo por longvivigo* ankaŭ elpensiĝis." Plue: "Verdire, mi estas ŝatanto de fabeloj de Eroŝenko . . . mi ŝatas liajn fabelojn, estas influita de li. Nun mi rememoras ke mia ideo pri homaramo, duone, eĉ plejparte, devenis el li. Almenaŭ tri pecoj el miaj kvar fabeloj estis verkitaj sub lia influo."[13]

Dum la Kontraŭjapana Rezistmilito Bakin vagis en sudokcidenta Ĉinio, ĉie li prenis plumon (iam eĉ sub lumo de kandelo) por verki, traduki kaj redakti. Kvankam publike li ne anoncis ke li ne kredas plu je anarkiismo, tamen certe li akceptis komunismon kaj kunbatalis kun la ĉina popolo kaj ties progresemaj intelektuloj. Lusin prave taksis lin: "Bakin estas verkisto kun entuziasmo kaj progresa ideo, verkisto en vico de bonaj verkistoj nombreblaj per fingroj; kvankam li estas nomata anarkiisto, tamen li neniam opoziciis al nia movado, sed subskribis sian nomon sur la Komunan Bataldeklaracion de la Literaturaj kaj Artaj Laborantoj."[14]

En 1949 la kontraŭimperiisma, kontraŭfeŭdisma novdemokratia revolucio de la ĉina popolo, gvidata de la Kompartio de Ĉinio, akiris radikalan sukceson. Je la 1-a de oktobro 1949 fondiĝis la Ĉina Popola Respubliko. Bakin ne veturis al Tajvano, sed aktive partoprenis en la socialisma konstruado de la nova Ĉinio, komencis la trian periodon de sia kariero. Li serioze kaj memkonscie studis la teorion de marksismo-leninismo kaj reformis sian mondkoncepton por kongrui kun la nova situacio. Li veturis al Koreio dum la milito por rezisti al la usona agreso kaj helpi Koreion, verkis novelojn pentrantajn bravajn heroojn dum la bataloj kaj raportaĵon pri marŝalo Pong Dehuai, la ĉefkomandinto de la ĉina popola volontula armeo.

En la 50-aj jaroj, sub nebulo de la maldekstrema ideologia tendenco, iuj nejuste recenzis verkojn de Bakin kaj riproĉis la anarkiisman tendencon en liaj antaŭaj verkoj. Bakin pli multe prenis tradukan laboron (kiel simile al Pasternak dum la periodo de

Stalino!) kaj redaktis gazeton. Li tradukis verkojn de Lev Tolstoj, Turgenjev, Ĉeĥov, Gorkij, Walde, A. Gercen k.a. Dum la 60-aj jaroj antaŭ la Kultura Revolucio la Popola Literatura Eldonejo en Pekino eldonis la plenan verkaron de Bakin en 14 volumoj.

En la nova Ĉinio Bakin revenis en la E-movadon. En 1951 fondiĝis Ĉina E-Ligo (ĈEL); li estis elektita en la komitaton. En 1961 Bakin vizitis Japanion, en Tokio li renkontis Akita Uĵaku.

Dum la Granda Kultura Revolucio li unue estis "faligita", poste "flankenigita". Dum tiuj doloriĝaj tagoj Bakin devigite demetis sian plumon (1966-1976). Tamen, jam en la mezo de la 70-aj jaroj li havis eblon legi; tiam li retrovis la romanojn de Baghy *Viktimoj* kaj *Sur sanga tero*, tralegis ilin, kaj sentis ke li havas pli profundan komprenon pri la humanismo de Baghy.[15] En li ankoraŭ pulsis la verda espero de homaramo kaj la aspiro al pli bela vivo.

Post la faligo de la Kvarpersona Bando, Bakin reprenis plumon, unue tradukis la romanon *Virga Tero* de Turgenjev kaj la rememoraĵojn de A. Gercen; poste li verkis la plej karajn eseetojn, retrospektinte sian neordinaran karieron. Tiuj eseetoj (*Penseroj*[16]) enhavas 150 pecojn, inter kiuj li dediĉis kelkajn al nia movado, al sia kariero de esperantisto.

En 1980 Bakin ĉeestis la UK-on en Stokholmo, kiel estro de la ĉina delegacio. Samjare lia romano *Aŭtuno en la printempo* havis Esperantan version.[16] Tio estis la unua Esperanta traduko el liaj verkoj, kvankam li mem en la 30-aj jaroj deziris esperantigi siajn verkojn. En 1982 li verkis antaŭparolon por la Esperanta traduko de sia romano *Familio*, kiu estis elĉinigita de s-ano Wei Yida kaj ankoraŭ restas manuskripto; tamen lia antaŭparolo troviĝas en *Penseroj*.[17]

En 1986 s-ano Hujucz forpasis. Bakin transprenis la torĉon de la espero kaj estis elektita kiel prezidanto de ĈEL. Li kun s-ano Ĵelezo[18] gvidis la ĉinan movadon ĝis 1989, tiam li fariĝis konsilanto kaj poste honora konsilanto de ĈEL, dum Chen Yuan prezidas la organizaĵon. Sed li ankoraŭ zorgas nian movadon: "Kvankam al mi mankas energio por fari tion kion mi faris antaŭe, tamen mi ankoraŭ zorgas la aferon de Esperanto, kaj volonte por ties disvastigo oferas mian forton."[17] En 1990 Ĉina E-Eldonejo eldonis lian romanon *Frosta nokto* en E-o, elĉinigitan de Laŭlum [vd. recenzon sur p. 194].

En 1991 alvenis la centaj naskiĝtagoj de Baghy kaj Kalocsay, la ĝemelstela paro sur la Verda Parnaso. Por memori tiun jubileon en la Esperanta historio, mi deziris verki pri ili kaj, laŭ propono de s-ano Guozhu, redakti specialan numeron por la revueto *Penseo*. Mi korespondis kun prof. Lu Jianbo por peti lian kontribuon, kaj li transdonis mian deziron al Bakin, kiu tre rapide respondis per letero. Sekve, en alia letero li konigis al mi (ankaŭ al ĉinaj movadanoj) mallongan biografion de s-ano Sofio, pioniro de la ĉina movado kaj tradukinto de Baghy. Certe li faras ĉion por nia movado laŭ la ebleco, spite sian altaĝan kaj malsanan malfacilon.

Li jam estas eminentulo en la mondo, plej estimata verkisto de popoloj, kvankam li mem prefere nomas sin "verkanto", ne "literatoro". En lia kariero de verkado, ni povas trovi influadon de homaramo kaj homaranismo el la Interna Ideo de Zamenhof, kiu kun lia anarkiisma tendenco sublimigis la revolucian emocion en liaj verkoj.

Pro sia longdaŭra elstara kontribuado por la homara kulturo li gajnis la premion Dante en Italio en 1982, kaj la Honoran Medalon de Francujo en 1983. En 1980 li fariĝis prezidanto en Ĉinio de la internacia PEN; en 1981 kaj 1984 dufoje li estis elektita kiel prezidanto de la Ĉina Verkista Asocio, kaj estas membro de la Honora Patrona Komitato de UEA. ★

NOTOJ (daŭrigo)

8. Li supozeble tradukis el la esperantigo de Ŝuzui Haĵime, aperinta en la libreto *Danco de skeletoj* (1927), kiu enhavas ankaŭ la teatraĵojn *Nokto ĉe landolimo* kaj *Fonto de sudroj*. La "fonto kaj stepo de sudroj" de la citaĵo aludas al ĉi lasta. En ĝi temas pri *sudroj* (laŭ PIV: *ŝudroj*), homoj el plej malalta kasto en Hindujo, kiuj bonkore gastigas vojaĝanton kaj trinkigas al li akvon de fonto. La vojaĝanto sonĝas pri "vasta stepo", sur kiuj pioĉas multaj sudroj, eltrovontaj ĉi tiun fonton. Li foriras admirante "la forton de kontraŭbatalo, kiu ĝis nun nutris la sonĝon de l' gento" kaj kun la sento ke li "fine ektrovis la novan lumeron de l' homaro".

9. Liaj fontoj devis esti la esperantigo de Nikolaj Hohlov (*La morto de Danton*, Horrem bei Köln: Heroldo de Esperanto, 1928), resp. la unua libroforma E-traduko el la itala literaturo, *La floro de l'pasinto* (Baselo: Basler Buch- und Antiquariatshandlung, 1906), de Rosa Junck.

10. *Penseo*, n-ro 12, junio 1991, p. 1-3.

11. Pri tio mi jam verkis en *Esperanto*: n-ro 1027/1028 (7-8), jul.-aŭg. 1991, p. 138-140.

12. *Turo por fali* aperis Esperante unue en *La Verda Ombro*, julio 1923, kaj estis represita en *Lumo kaj ombro*, Toyonaka: Japana Esperanta Librokooperativo, 1979. Bakin povis legi ĝian ĉinan tradukon, fare de Hujucz, en *Fabelaro de Eroŝenko* (Ŝanhajo, 1922).

13. "Pri aŭtuno en printempo k.a.", gazeto Rikolto, n-ro 1, 1979, p. 59, Shanghai.

14. Lusin: *Plena Verkaro*, vol. 6, p. 438.

15. *Penseo*, n-ro 11, majo 1991, p. 6.

16. *Aŭtuno en la printempo*. Ba Jin. Beijing: EPĈ, 1980. 13+97p.

17. *Penseroj*, vol. 4, p. 13-16.

18. Pri Ĵelezo vd. nekrologon en *Esperanto*, n-ro 1059 (5), majo 1994, p. 100, kaj la artikolon "Kiel mi memoras Ĵelezon" de Kurisu Kei samnumere (p. 88).

BIBLIOGRAFIETO


Ĝenerale pri historio kaj movado:

Ulrich Lins: *La danĝera lingvo. Studo pri la persekutoj kontraŭ Esperanto*. Moskvo: Progreso, 1990 (2-a eld.). Precipe p. 157-165.

Su Kaiming: *Moderna historio de Ĉinio laŭ temoj*. Pekino: ĈEE, 1992.

Pri Bakin, krom notoj 1 kaj 11:

Lao Bai: "Vizito al verkisto Bakin". *El Popola Ĉinio* n-ro 9 (252), sept. 1979, p. 15-17.

# Recenzo



## Amo en tempo de ftizo

**Frosta nokto** (1947). Bakin (1904). El la ĉina trad. Laŭlum. Pekino: Ĉina Esperanto-Eldonejo, 1990. 302p. 22cm. Bind. Ilus. 14,40 gld.

*La familio de Pascual Duarte* de la Nobel-premiita Camilo José Cela kaj *Frosta nokto* de Bakin, daŭra Nobel-kandidato, verkiĝis ambaŭ post milito. Ili prezentas sinsekvon de malfeliĉo post malfeliĉo, ĉene. Sed, dum Cela "spegulas la brutalon, la mizeron, la violentan temperamenton de homoj" (F. de Diego), Bakin pentras tute alian *homklimaton*, laŭtitole frostan kaj noktan. Kiel sciigas la tro eksplicita kovrila prezento, temas pri la familia vivo de mizera oficisto, Wang Wenxuan, kiu malsaniĝas je ftizo. De la komenco ni legas romanon pri kunvivanta eksparo, Wenxuan (aŭ simple Xuan) kaj Shusheng, 34-jaraj. Oficiale ili estas ne geedzoj, sed gekonkuboj, malgraŭ 14 jaroj da kuneco. Krome loĝas kun ili la patrino de Xuan, sennoma kaj postulema.

Oni trovos en la verko nenian politikan aŭ reĝiman propagandon. Anstataŭe elstaras du problemaĵoj: la rilatoj inter viroj kaj virinoj, kaj la rolo de virinoj en la socio kaj en la familio. La ftiziĝo de Xuan pliakrigas rivalecon inter lia patrino kaj la *edzino*, tiom ke fine li devus elekti. Sed, kiel legeblas sur p. 169: *Li havas nek rimedon por interamikigi la patrinon kaj la edzinon, nek fortan volon elekti unu el ili.*

Ni vidu ekzemplon el p. 99: *La edzino kredis je okcident-medicina kuracisto, kaj proponis alvenigi la medicinan konsilanton de la banko Dachuan, sed la patrino insistis venigi ĉinmedicinan kuraciston.* Simile okazas pri tre diversaj aferoj: la nova kaj la malnova Ĉinujoj tigre batalas. Maleblas do redukti la rilaton inter la patrino kaj Shusheng al nura generacia konflikto. Apartaj mondoj, apartaj mensoj antagonismas.

En la paro ne nur li, ankaŭ ŝi ĉefrolas. Xuan estas hezitema, nematura, kompatinda bonkorulo, kiun neniu atentas. Ĉiam li intencas fari ion, tamen ĝin neniam faras. Male, Shusheng volas liberon. Ŝi sentas plenkorpe ke la vivo estas sensenca, dum li havas nenian firman opinion. Kaj ŝi ne volas forvelki, konsumiĝi tiel. En ŝia cerbo kunestas kontraŭdiraj pensoj; ankaŭ ŝi estas nedecidema, sed ŝi aktivas kaj agas, dum li nur pasivas, trompante sin kaj aliajn.

Legante mi trovis la verkon surprize atentokapta; ĉirkaŭ p. 150, ĝi iĝas iom lanta kaj ripeta, kio tamen kontribuas al realisma priskribo de la malsano, de la patrin-edzinaj kvereloj, kaj de la milita tempo en urbo regata de Kuomintango; kune kun la insista ripetado okazas subtila evoluo de situacioj kaj sintenoj, ĝis p. 217, kie la romano senteble revigliĝas. *Frosta nokto* estas, resume, rakonto de agonio: agonio korpa, mensa, familia.

Mi varme rekomendas ĉi tradukon fare de Laŭlum, kiu regalas la leganton per modela, imitinda stilo, klara, flua kaj eleganta (malkiel tiu de la Analiza Skolo). Agrable surprizis min la abundaj eksneologismoj, t.e. vortoj kiuj jam de longe sidas en la beletra prozo, kaj kiuj iom post iom penetras ankaŭ la komun-uzan lingvon: ekz. *diskordo, fetoro, haladzo, -iva, kafeterio, lanugo, preventi, sparko, stando, termoso* (po 1-foje, se mi ne miskalkulis); *damaĝi, oponi* (po 2-foje); *poka, tenebro* (3); *magra* (4); *debila, povra* (5); *lante, morna, softa* (8); *moroza, trista* (9); *tenera* (12); *langvoro* (13); *ascendi* (15); *aperti* (tr.) (17); *febla* (18); *descendi* (20); kaj *haste* (58! – paradokse, ĉar neniu el la roluloj hastas ien ajn). Tre aplaŭdindas la daŭra alterno de mal- kaj malmal-vortoj. Per riĉa vortprovizo Laŭlum, traduka majstro, talente rekreas la romanon en Esperanto samtempe klasika kaj moderna.

**Georgo Kamaĉo (Hispanio)**

## ABONTARIFOJ 1995 DE LA LIBROSERVO DE UEA

prezoj en nederlandaj guldenoj

| Revuo | n-roj jare | jar-tarifo |
|---|---|---|
| Boletín (hispana) | 6 | 50,00 |
| Brazila Heroldo (aere) | 12 | 54,00 |
| Brita Esperantisto, La | 6 | 34,00 |
| *aerpoŝta aldono* | | *7,00* |
| Dia Regno (KELI) | 12 | 21,00 |
| Ekonomia Bulteno pri Usono | 12 | 30,00 |
| El Popola Ĉinio (aere) | 12 | 51,00 |
| Esperanto, L' (itala) | 12 | 43,00 |
| *aerpoŝta aldono* | | *6,00* |
| Esperantolehti (finna) | 6 | 28,00 |
| E-o sub la Suda Kruco (aere) | 6 | 55,00 |
| Espero, La (sveda) | 6 | 36,00 |
| Espero Katolika (IKUE) | 6 | 60,00 |
| Eŭska Kverko | 3 | 15,00 |
| Fenomeno (nederlanda) | 11 | 30,00 |
| Fonto (literatura) | 12 | 40,00 |
| Franca Esperantisto | 11 | 63,00 |
| Gazeto, La (mondkultura) | 6 | 56,00 |
| *aerpoŝta aldono* | | *10,00* |
| Heroldo de Esperanto | 17 | 55,00 |
| *(aerpoŝta aldono varias laŭlande)* | | |
| ICEM-Esperanto (Freinet-pedagogio) | 4 | 26,00 |
| Int. Pedagogia Revuo | 4 | 22,00 |
| Jaro, La (agendo) | 1 | 10,00 |
| *aerpoŝta aldono* | | *4,00* |
| Juna Amiko (lernejana) | 4 | 16,00 |
| Kancerkliniko, La (ajnista) | 4 | 42,00 |
| *aerpoŝta aldono* | | *8,00* |

| Revuo | n-roj jare | jar-tarifo |
|---|---|---|
| Koncize (okc.-eŭropa junularo) | 6 | 18,00 |
| Kroata Esperantisto | 6 | 12,00 |
| Language Problems and Language Planning | 3 | 72,00 |
| *institucioj* | | *152,00* |
| Letero de la Akademio de Esperanto | 4 | 40,00 |
| Literatura Foiro | 6 | 62,00 |
| *aerpoŝta aldono* | | *18,00* |
| Medicina Internacia Revuo (aere) | 2 | 25,00 |
| Monato (int. novaĵrevuo) | 12 | 74,00 |
| *aerpoŝta aldono* | | *11,00* |
| Monda Forumo (Unesko) | 4 | 30,00 |
| Moskva Gazeto | 6 | 18,00 |
| *aerpoŝta aldono* | | *6,00* |
| Najtingalo (kaseda songazeto) | 2 | 40,00 |
| Norvega Esperantisto | 6 | 20,00 |
| Ondo, La (rusa; kultura) | 6 | 24,00 |
| Oomoto | 1 | 20,00 |
| Ruslanda Esperantisto | 12 | 20,00 |
| Sennacieca Revuo | 1 | 13,00 |
| Sennaciulo | 12 | 52,00 |
| Simpozio (filozofia) | 2 | 12,00 |
| Spektro (movada, lingva) | 4 | 15,00 |
| Starto (ĉeĥa) | 6 | 15,00 |
| TEJO Tutmonde | 4 | 19,50 |
| Tutmondaj Sciencoj kaj Teknikoj | 4 | 22,00 |

Por mendoj de klientoj loĝantaj en la Eŭropa Unio, aldoniĝas Aldonvalora Imposto je 6%.

# Laste aperis...



**ABC-Gramatiko de Esperanto.** Christiane De Vleminck, Emile Van Damme. Antwerpen: FEL, 1994. 240p. ISBN 90-71205-52-5. 30cm. Gramatika konsultilo por progresintoj, kun multaj ekzemploj kaj abunda indekso. 65,40 gld.

**Amo estas taso da kokidsupo.** Yüksel Söylemez (1931). La E-parton trad. Lucija Borčić. Zagreb: Bil Commerce, 1994. 187p. ISBN 953-6303-02-7. 18cm. Longa angla poemo, kun tradukoj en dek unu lingvojn, i.a. en Esperanton. 19,80 gld.

**Apenaŭ papilioj en Bergen-Belsen.** Trevor Steele (1940). Vieno: Pro Esperanto, 1994. 148p. ISBN 3-85182-017-7. 23cm. Romano pri la spertoj de juna anglo kiel sociala helpisto en la Germanio de la 60-aj jaroj. 30,00 gld.

**Aventuroj de Petreto.** A. Lopez Luna (1914). Buenos Aires: Amigos de Lopez Luna, 1994. 56p. ISBN 950-43-5376-2. 22cm. Historio pri "la plej bona el la homoj kaj, samtempe, la plej stulta el ili". 8,10 gld.




**Deklingva manlibro pri politiko.** Editoris Stefan Maul. Antwerpen: FEL, 1994. 3+230p. ISBN 90-71205-50-9. 20cm. Ĉ. 1150 kapvortoj el politiko kaj najbaraj kampoj, kun difino, ekzemplofrazoj, kaj ekvivalentoj en 9 lingvoj. 21,00 gld.

**Elevatora Seulo.** Kim Yocho (1963). El la korea trad. Bak Giŭan, Jose Takehara. Seulo: Hyehwadang, 1994. 96p. 21cm. Dulingva: E-korea. 22 poemoj de juna poetino, "veraj floroj de la korea lingvo" (Bak Giŭan). 12,00 gld.

**Germanaj klasikaj noveloj.** El la germana trad. Reinhard Haupenthal. Saarbrücken: Iltis, 1992. 116p. ISBN-3-927613-25-8. 21cm. *Novelo* de Goethe, kaj du krimrakontoj: *La krimulo pro honoro perdita* de Schiller kaj *La fago de la judoj* de Annette Droste-Hülshoff. 36,90 gld.

**Gramatiko de Esperanto.** Bak Giŭan (1956). El la korea trad. Kim U-son. Seulo: Hanshin, 1994. 152p. ISBN 89-348-0391-6. 21cm. Bind. Kromkovrilo. Facila, kompleta gramatiko por ordinaraj e-istoj, el la vidpunkto de korea lingvisto. 15,90 gld.

**Gvidlibro pri Koreio.** Trad. Ma Young-tae, Choe Taesok k.a. Seulo: Korea E-Asocio, 1994. 122p. 20cm. Riĉe ilustrita gvidilo kun ĉiaj informoj necesaj kaj utilaj por turisto. 6,00 gld.

**Individuismo en antikveco. Historio kaj kritiko.** Han Riner (1861-1938). El la franca trad. Valo. Beauville: SAT, 1994. 56p. 21cm. Pri individuismo en helenaj filozofiaj skoloj. 6,00 gld.

**Japana Esearo. N-ro 1.** Div. aŭtoroj. Tokio: Libroteko Tokio, 1994. 65p. 21cm. Dek eseoj kaj artikoloj de dek japanaj aŭtoroj, pri e-ismaj kaj aliaj temoj. 18,00 gld.

**Kie boacoj vagadas** (1967). Eija Salovaara (1920). Vieno: Pro Esperanto, 1994 (2-a eld.). 91p. ISBN 3-85182-018-5. 23cm. Noveloj pri la tradicia vivo de sameoj (laponoj) en norda Finnlando. 21,00 gld.




**4 sezonoj. Hajkoj en 4 lingvoj.** Div. aŭtoroj. El la angla kaj persa trad. Marjam Nezami. Tehrano: la tradukinto, 1994. 118p. 22cm. Cento da klasikaj japanaj hajkoj japane, Esperante, angle kaj perse, kun komentoj. 15,60 gld.

**Madjaroj (hungaroj) en Vojvodino.** Red. Kabók István. El la hungara trad. S. Fenyvessy, C. Csőke, L. Huszár. Budapeŝto: Sorobano, 1994. 103p. ISBN 963 7882 81. 21cm. Artikoloj, dokumentoj, beletraĵoj de kaj pri etno minoritata en Jugoslavio. 15,90 gld.

**Malgranda sorĉistino, La** (1957). Otfried Preussler. El la germana trad. E-amikoj Durmersheim/Rastatt. Maribor/Durmersheim/Rastatt: Inter-Kulturo/E-Freunde, 1994. 129p. ISBN 961-6075-00-4. 21cm. Bind. Kun desegnoj de Winnie Gebhardt-Gayler. Infanlibro pri tradiciaj kutimoj en germanaj vilaĝoj. 29,40 gld.

**Matematika kaj stokastika terminaro Esperanta.** Olav Reiersøl (1908). Oslo: Universitato de Oslo, 1994 (2-a eld.). 144p. ISBN-82-553-0894-6. 30cm. Ĉ. 800 terminoj kun difinoj; E-angla kaj angla-E registro de la samaj; principoj por terminelekto; notoj pri kelkaj terminoj. 18,00 gld.

**Nokto de la Galaksia Fervojo.** Miyazawa Kenzi (1896-1933). El la japana trad. Konisi Gaku. Toyonaka: Japana E-Librokooperativo, 1994. 103p. ISBN 4-930785-42-1. 26cm. Kvin fabeloj de la aŭtoro de *Gooŝ la ĉelisto*. 21,60 gld.

**Nova mondo. Principoj por homa vivo kaj paco.** Chung Hwan-gun (1922). El la korea trad. Ma Young-tae. Seulo: Shin Cheon Ji, 1994. 68p. ISBN 89-85005-13-8. 21cm. Proponoj por monda paco kaj monda federacio. 6,00 gld.

**Psychological reactions to Esperanto.** Claude Piron (1931). Rotterdam: UEA, 1994. 12p. 21cm. Esperanto Documents 42A. 4,80 gld.

**Toponimia terminaro.** Lorens' Mi (1922). Manchester: Istlia Eldonejo E-ista, 1994. 28p. 21cm. Plibonigita kaj pli ampleksa dua eldono. Nomoj de landoj kaj landanoj. 6,90 gld.

**Vivi sur barko.** Eugène de Zilah (1939). Cannes et Clairan: Jean-Claude Bernard, 1994. 235p. 21cm. Ilus. de Megumie Komamura. Libro farita de metiista presisto. Serio Kargo. Spertoj kaj pensoj de filozofo forlasinta siajn karieron kaj hejmlandon por ekvivi sur maro. 49,50 gld.

**Vivo kaj opinioj de majstro M'Saud** (1963). Jean Ribillard (1904-1962). Saarbrücken: Iltis, 1994 (2-a eld.). 143p. ISBN-3-927613-21-5. 19cm. Vivrakonto de azeno, per kiu ni ekkonas la vivon kaj morojn de araba oazo. 22,20 gld.

*Nia originala beletro riĉiĝis per du verkoj ankaŭ estetike valoraj.*

**MENDU ĈE LA LIBROSERVO DE UEA,** Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando. Bonvolu atenti ke al ĉiuj netaj prezoj de libroj sendotaj al adresoj en la Eŭropa Unio aldoniĝas 6%, al tiuj de diskoj, insignoj k.s. 17,5% pro la aldonvalora imposto. Al ĉiuj netaj prezoj aldoniĝas 10% por sendokostoj. Minimumaj sendokostoj estas 5 gld. Antaŭdankon pro via mendo!

# Reagoj



## Al kaj de Bernard Golden

### Ni kuraĝe *akĉentu*

Prave B. Golden atentigis pri la konfuzo rilate *akcento* (jul-aŭg., p. 130), al kiu oni tradicie donis almenaŭ du malsamajn signifojn. Tamen mi ne konsentas ke la neologisma *akĉento* (laŭ la Suplemento de PIV: "tuto de la artikulaciaj kutimoj, kiuj donas apartan koloron ... al la parolo de unu persono") "ne solvos la problemon" kaj "estas kuracilo pli noca ol la malsano mem".

La distingo inter *akcento* kaj *akĉento* estas klara kaj utila, eĉ necesa. Ni devas kutimigi nin al la uzado de la neologismo.

Trevor Steele (Aŭstralio)

### Prefere distingi ol priskribi

En etnaj lingvoj kelkaj vortoj havas malsamajn kaj intermikseblajn signifojn. Tamen, tia ambigueco ne estu imitinda modelo por ni. Laŭ mi distingi inter *akcento* kaj *akĉento* estas pli konvene ol nomi ambaŭ nociojn per la sama termino, kaj esti tiukaze devigita priskribi la akĉenton, kiel Golden rekomendas.

Rüdiger Eichholz (Kanado)

### Usona kulturo: ne pseŭda

Grandparte, la letero de B. Golden ("Respekto ne nur por minoritatoj", jul-aŭg., p. 131) estas tre trafa. La usona kulturo neniel estas pli pseŭda ol ekz. tiuj de Francio aŭ Japanio. Ĝi eble estas iom fremda al tiuj, sed oni devas ŝati tion, ne timi ĝin.

Tion dirinte, mi preferus ne vidi la redaktoron obei la konsilon de Golden, ke la redakcio "ne permesu aperon en la oficiala organo de UEA de kalumniantaj esprimoj kiel tiuj cititaj." Se oni volas kalumnii la usonan "pseŭdokulturon", tio tute ne ĝenas min – tiel longe dum homoj kiel s-ano Golden rajtas sur la samaj paĝoj tiel efike rebati.

Don Harlow (Usono)

### Angla ĵargono

Kontrolu enciklopedion! La mondfamaj anglaj universitatoj estis fonditaj en 1249 (Oksfordo) kaj 1284 (Kembriĝo). Ekde tiam la angla lingvo evoluis, fariĝis pli riĉa, ampleksa, kaj ekde 1500 ĝi estas la aŭtenta, originala, plena angla lingvo, uzata daŭre kaj nun.

Usono ne inventis sian anglan. Enmigrintoj kunportis ĝin. Usono adoptis kaj adaptis ĝin, faciligis la ortografion, kaj tiamaniere kreiĝis la usona *angla ĵargono*.

Tute pravas la uzantoj de la esprimo *pseŭdokulturo*. Nun la monda uzo de la usona angla baziĝas sur la specifa financa potenco kaj tekniko de Usono.

Iren Struloviĉ (Israelo)

### Ne meritas respekton

S-ro Golden ŝajne ne komprenas kial iuj e-istoj malŝate parolas pri la angla lingvo. Ili certe ne intencas nei la ekziston de la ducentjara usona kulturo ĝenerale, sed ili montras sian ĉagrenon pri kelkaj aspektoj de la moderna usona kulturo, kies invadon en la hejman sferon ili spertas. Je mia ĵusa eŭropa vojaĝo estis dolorige por mi vidi:

— kiom da grafitioj (surmuraj ŝprucfarbaj skribaĉoj) malbeligas eĉ historiajn konstruaĵojn;

— kiom da anglaj vortoj estas uzataj en germanaj ĵurnaloj, afiŝoj ks.;

— ke multegaj homoj vestas sin per sengustaj vestoj en agresivaj koloroj, ofte kun anglaj vortoj, kelkaj eĉ instigantaj al violentaj agoj;

— ke la junularo publike drogaĉas sin kaj preferas danci laŭ surdiga, infera muziko;

— ke monakiro kaj konsumemo stimulita per reklamado fariĝis la vivocelo de multegaj homoj.

Ĉio tio laŭ mi estas sekvo de la vivstilo de la "plej potenca kulturo". Kleraj usonanoj kontraŭas la trudadon de tiu ĉi kulturaĉo, kiu ne meritas respekton.

Rüdiger Eichholz (Kanado)

### Venu la vera usona kulturo

Kial Usono ne sendas al ni sian kulturon? Kial nin inundas nur la pseŭdokulturo: perfortaĵoj en filmoj, porno-gazetoj, ronkaj, raŭkaj kantoj? Se venos al ni la vera usona kulturo, ni ĝoje akceptos ĝin.

Marie Bartovská (Ĉeĥio)

### Instrui de nasko: respondeca tasko

M. Wearing kaj G. Berveling (jul-aŭg. 1993, p. 128-129) negative prikomentis mian refutadon (majo 1993, p. 90) de la misa denaskisma doktrino de Corsetti kaj Löwenstein. Mi celis (kaj celas nun) reliefigi la mankon de serioza pritrakto de la demando pri bona E-prononcado. Konkludeble, nek Berveling nek Wearing pravas: la unua asertas ke lia filino ne alpropriĝis nederlandecan prononcon, sed nur lingve kompetenta ne-nederlandlingvulo povus prijuĝi tion kun certeco; la dua ne donas detalojn pri la prononco de aŭstraliaj beboj.

Lastatempe mi trovis plurajn komentojn en la E-gazetaro pri la malalta nivelo de prononcado. Por citi nur *Esperanto*, sept. 1993: fonetikisto J.C. Wells plendas pri neklara prononco de kelkaj parolantoj dum la Valencia UK (p. 155); recenzanto de deklamprogramero mencias ke virino el Kubo "havas problemojn kun du aŭ tri sonoj" (p. 150); alia recenzanto amare rimarkigas pri iu muzikisto: "mi komprenis nenion, krom fojfojajn frazerojn" (p. 151).

Ekzistas sufiĉe da atestaĵoj ke la prononco de multaj plenkreskaj e-istoj estas subnorma. Sekve, se tiuj adoltoj proponas instruadon de E-o al infanoj en hejma situacio, la denaskuloj imitos ilian fuŝan parolmanieron. Cetere, tute preteratentita estis la demando pri regado de *gramatike* ĝusta E-o. Kolektante registraĵojn de spontanaj konversacioj de divers-aĝaj kaj -naciaj denaskuloj oni povus objektive mezuri ilian lingvoalproprigon. Tiel estus eble ekscii ĉu la asertoj de entuziasmaj denaskistoj estas pravigeblaj. Kial Corsetti kaj Löwenstein ne entreprenas tiun taskon?

Bernard Golden (Hungario)

## Ĝustigo

### Ne Katalunio

En p. 117 (majo, "Loke") de nia organo la vorto *Katalunio* estas duoble erara. Se diri landon, temas pri Hispanio. Se diri regionon, temas pri la Valencia Aŭtonoma Komunumo.

Manuel Parra (Hispanio)

*La diligenta kolegaro:*

# En Oriento ekfluis *Riveroj*

**En majo (p. 96) ni notis la ekaperadon de "ĉiusezona" interkultura revuo, *Riveroj*, en Japanio. Ĝin prezentu nun la redaktoro, MINE Yositaka.**

*Ĝis nun ĉi tiu rubriko pritraktis plejparte revuojn kun longa tradicio. Jen escepto, la novnaskita* Riveroj.

Nu, la novnaskito aĝas jam tutan jaron, ĉar ĝi ekaperis en aŭgusto 1993, kaj ekde tiam en ĉiu sezono.

Tamen, la ideo ĝin lanĉi estas multe pli malnova. Post kiam malaperis la revuoj *L'Omnibuso* (1964-80) kaj *Dua Buso* (1982-1984), eldonitaj en Kioto de SAITO Eizô, kaj ankaŭ Preludo (1984-87) de HAYASI Ken el Tokio, forte mankis verk-instigilo por japanaj e-istoj. Tial mi konsideris mia devo redakti kaj eldoni kulturan kaj literaturan revuon tute en E-o.

*Kial oni malofte vidas japanojn elpaŝi internacie en la E-kulturo?*

La japanoj vivas izolite en tre homogena socio, kaj pro tio ili estas hezitemaj kaj sekve mallertaj por sin esprimi alilingve. Ili tro timas, ekz. gramatikajn erarojn. Laŭ mia scio la sola kiu kuraĝis vere kontribui al la internacia E-kulturo, estis MIYAMOTO Masao.

*Tamen, la japanoj estas legemaj.*

Jes, ekzistas kelkaj dekoj da tre seriozaj legantoj, sed ili ne volas mem verki aŭ recenzi. Ĝuste tial mi bedaŭras la ĝisnunan mankon de recenzoj en *Riveroj*. Mi ja volas vigligi kritikadon en Esperantujo. Tial mi fondis antaŭ 15 jaroj mian eldonejon La Kritikanto, kiu publikigis tri kritikajn librojn: *Sarkasme kaj entuziasme* kaj *Skiza historio de la utao* de Miyamoto, kaj *Studoj pri la Esperanta literaturo* de Vilmos Benczik.

*Ĉu* Riveroj *mem ne celas esti forumo internacia?*

Nu, la unua intenco estas debutigi japanojn, sed *Riveroj* estas malfermita al la tutmonda kontribuantaro, precipe al aziaj verkemuloj, kiuj malhavas pure kulturan forumon krom la ĉina revueto *Penseo*.

Riveroj *iel respondas al* Fonto. *Ĉu hazarde?*

Mi mem estas la japana peranto de la literatura revuo *Fonto*, sed kiam mi interkonsiliĝis pri la lanĉo de nova revuo kun la eldonisto, s-ro YOSIKAWA Syôiti, mi tute hazarde elpensis la nomon *Riveroj*. Tamen, la nomo tre taŭgas, ĉar la revuo kunigas diversajn fluojn, verketojn, ne nur literaturajn.



*MINE Yositaka*

*Ĉu* Riveroj *konkurencas, imitas, rivalas iun revuon?*

Ekzistas tre bonaj revuoj en Esperantio, kun propraj karaktero kaj tradicio, kiel *Literatura Foiro, La Gazeto, Spektro, Survoje, La Ondo de Esperanto*. Mi ne volas konkurenci kun ili. Mi celas pli varian enhavon, ne nur beletran: la sola kondiĉo estas ke ĉio estu verkita en Esperanto. Tamen mi ne akceptas novaĵojn de la movado, nek materialojn pli taŭgajn por *Monato*, en kiu cetere plimultiĝas artikoloj de japanoj.

*Kiuj publikiĝas en via revuo?*

En ĉiu numero aperis novaj nomoj ne ankoraŭ legitaj, aŭ ne sufiĉe konataj internacie: ekz. ŜIMIZU Koiĉi, TUTUI Kazuyuki, OOTA Yakito, AIHARA Misa, YAMAGUTI Mitio.

*Ĉu vi rivelus la preskvanton?*

300 ekzempleroj sendiĝas al pli ol 20 landoj. Pli ol 150 abonantoj pagas, kio fakte kovras la produktokoston. Sed ĉar ni ricevis monhelpon de bonkoraj samideanoj, ni povis eĉ decidi pliampleksigon, de 32 paĝoj al 40, ekde la 5-a n-ro. Mi ŝatus havi pli da abonantoj ekster Azio.

*Riveroj* estas abonebla ĉe MINE Yositaka (Kitahama-Kitawaki 29-16, Takasago-si, Hyôgo-ken, 671-01 Japanio; tel./fakso: +81/(0)792/54-2802), per sendo de 24 gld. al la UEA-konto "mine-v". ★

## FURORAĴOJ DE LA KONGRESA LIBROSERVO

| | Titolo | Vendoj | Prezo (gld.) |
|---|---|---|---|
| 1. | Provu en la korea (lingva enkonduketo de B. Giŭan) | 132 | 4,80 |
| 2. | Oriento kaj Okcidento: al reciproka kompreno (eseo de G. Fradier, 1962) | *30 | 0,90 |
| 3. | Elevatora Seulo (poemaro de KIM Yocho) | 22 | 12,00 |
| 4. | Esperantaj sinonimoj (J. Ojalo) | 20 | 15,00 |
| 5. | Perkomputila tradukado (D. Maxwell) | 20 | 4,80 |
| 6. | Provu en Esperanto (frazaro por koreoj) | 20 | 5,40 |
| 7. | La malgranda sorĉistino (O. Preussler) | 18 | 29,40 |
| 8. | ABZ de amo . . . (Enciklopedio pri sekso) | *15 | 33,00 |
| 9. | Denaska dulingveco (R. Corsetti) | 15 | 7,20 |
| 10. | Faktoj kaj fantazioj (M. Boulton) | 15 | 36,00 |
| 11. | Originala Esperanta bildvortaro (S. Chaves) | 15 | 16,00 |
| 12. | Kompakta disko: Tohuvabohuo (Kajto) | 15 | 25,80 |
| 13. | Winnie-la-Pu (A.A. Milne) | 15 | 29,40 |
| 14. | Nova testamento de nia Sinjoro | 14 | 7,80 |
| 15. | La korpo de la homo (H. Schicke) | 13 | 33,60 |
| 16. | D-ro Esperanto, la homo plena de espero (H. Zamenhof-Zaruski) | 12 | 10,20 |
| 17. | El la vivo de bervala sentaŭgulo (L. Beaucaire) | 12 | 15,00 |
| 18. | Pasporta Servo 1993 | 12 | 24,00 |
| 19. | Proverbaro Esperanta (L.L. Zamenhof) | 12 | 18,00 |
| 20. | Lingvo kaj vivo (G. Waringhien) | 11 | 48,00 |
| 21. | Praavo kaj la kotokukoj (S. Eldjárn) | *11 | 15,00 |
| 22. | Sferoj 9 (sciencfikcia kolekto) | 11 | 18,00 |

*venditaj rabate





**Pollando: Gajniga Freŝo**

Andrzej Gielert (ul. Murzynowskiego 22/27, PL-10-684 Olsztyn), organizanto de la renkontiĝoj FREŜO, transdonas premion je 200-dolara valoro al Wacława Ledzińska, kiu gajnis ĝin en granda kvizo dum la ĉi-jara FREŜO en Olsztyn.

**Brazilo: Novspecaj delegitoj**

Dum la ĉ. 300-homa 30-a Brazila Kongreso de Esperanto (10-15 jul. en la urbo Natal) oni anoncis ke Brazila E-Ligo baldaŭ lanĉos landan reton de BEL-delegitoj, kies unuavica tasko — diference de UEA-delegitoj — estos disvastigi E-on en sia medio. BEL krome celas ampleksigi sian korespondan kurson, laŭeble ankaŭ en aliaj portugallingvaj landoj, tiagrade ke ĝi "fariĝu la ĉefa financa kolono de la movado". (*Brazila Heroldo*)

**Britio: Liberala subteno**

La 90 delegitoj de la brita partio La Liberaluloj preskaŭ unuanime rezoluciis dum sia jarkunveno (Morecambe, 22-25 sept.) ke la "asembleo subtenas pli vastan utiligon de Esperanto, lingvo por ĉiuj registaroj kaj popoloj kiuj volas ĝin uzi". La plena angla teksto haveblas ĉe la proponinto, Lawrence Mee (91 Whitebeck Court, Manchester, M9 7HR) kontraŭ afrankokostoj.

**Finnlando: Inter 15 mil virinoj**

La Nordian Forumon en Turku dum la unua aŭgusta semajno ĉeestis, inter 15 mil virinoj kaj kelkcent viroj, dudeko da e-istoj el kvin proksimaj landoj. La latvinoj Austra Pumpure kaj Biruta Rozenfelde eĉ kantis kun sia koruso en la oficiala programo. La E-temajn aranĝojn partoprenis malmultaj, ĉar ili okazis tro frue en la programplena semajno. (*Esperantolehti*)

**Germanio: Nacioj kaj Eŭropo**

Dum la feriosemajno de la E-grupo de Kronach (28 aŭg. - 4 sept.), kies temo estis "Nacia identeco kaj eŭropa tradicio", 55 e-istoj el 10 landoj — ankaŭ el Japanio kaj Ruando — aŭdis prelegojn i.a. de F. Le Magadure (keltoj en Bretonio), J. Mráz (la estiĝo de la moderna mondkoncepto per astronomio) kaj inĝ. Kříz (la historio de german-ĉeĥaj rilatoj). (A. Formaggio, J. Mráz)

**Honkongo: Asocia refondo**

Dek unu e-istoj kunvenis la 16-an de aŭgusto por refondi Honkongan E-Asocion. Kontaktadreso ĉe vicprezidantino Margaret Fidow: Tak Chee Yuen, Block 5, Flat 4A, 88 Tat Chee Avenue, Kowloon Tong, Honkongo. (W. Breitung)

**Hungario: E-domo malfermita**

La nova Budapeŝta E-domo, pri kiu ni sciigis en junio (p. 116), estis inaŭgurita la 17-an de septembro per kunsido de la estraro de Hungara E-Asocio, kiu cetere donacis parton de la meblaro. (*Eventoj*)

**Italio: Invito al la registaro**

La 64-an Italan E-Kongreson (26-30 aŭg., Vicenza) ĉeestis 230 personoj el 9 landoj. Pri "Esperanto por la defendo de la eŭropa kulturo" festparolis Claude Piron kaj Werner Bormann. Rezolucio invitis la italan registaron ekzameni la internacian lingvan problemon kaj eksperimenti la solvon Esperanto. Aktora grupo de Marco Bezzi prezentis preskaŭ profesi-nivele *Tartufo* de Moliero.

La Mantova E-grupo organizis en majo propedeŭtikan E-kurson, kiun gvidis Laura Brazzabeni por instruistinoj de elementaj lernejoj. Septembra dekreto de la edukministerio rajtigis Torinan bazlernejon je unujara propedeŭtika E-eksperimento, sub la gvido de Carlo Bourlot. (*L'Esperanto, La Eta Gazeto*)

**Nederlando: Nova asocio**

La 24-an de septembro ĉ. 140 e-istoj festis dum la Nederlanda E-Renkontiĝo en Elspeet la ekeston de la asocio Esperanto Nederland. Ĝi kunfandiĝis el la ĉesintaj Progresema Esperanto-Asocio FLE kaj

**Ministroj, pri Esperanto**

La nederlanda e-isto A. Doomen leteris en majo pri lingvopolitiko al la tiama ministrino pri kulturo, Hedy d'Ancona. Post dufoja leter-interŝanĝo d'Ancona plu ne konsideris "la uzon de E-o kiel alternativon" en la Eŭropa Unio, ĉar "neŭtrala lingvo ne ekzistas. Lingvo estas fikse ligita al kulturo. La uzado de fremda lingvo [t.e. Esperanto] korodus la esencon de la unuiĝinta Eŭropo, kiu ĝuste situas en la kultura diverseco."

En Aŭstralio Kep Enderby letere demandis la ministron pri eksterlandaj aferoj, Gareth Evans, ĉu la registaro iel reagis al la rezolucioj de Unesko pri Esperanto. Laŭ la respondo de Evans "malmulto, se io entute, estis farita rilate al Esperanto, se temas pri raportoj aŭ respondoj al la menciitaj Unesko-rezolucioj ... ne ekzistas forta aŭ vasta intereso ĉe Unesko. La aŭstralia registaro ne elpaŝis pri Esperanto ĉe lastatempaj renkontiĝoj aŭ Ĝeneralaj Konferencoj de Unesko." (*E-o sub la Suda Kruco*)

Nederlanda E-Asocio (landa asocio de UEA). (*Fenomeno, La verda stelo*)

**Norda Koreio: Ĉu esperantistoj?**

Gamvir Man Ŝresta, UEA-delegito en Katmanduo, aŭdis de Rim Hoe Song, ambasadoro de Norda Koreio en Nepalo, ke en lia lando la E-movado "antaŭe estis vigla kaj multaj libroj inkluzive vortaron estis eldonitaj; nun tamen estas nur malgranda rondo de e-istoj spertaj". Efektive, en 1959 landa asocio estis fondita, en 1964 aperis E-korea vortaro, kaj Radio Pjongjango dum kelkaj jaroj elsendis en E-o. (*Esperanto en Azio*)

**Sud-Afriko: Aŭto iĝas lernilo**

Otto Müller el Munkeno traveturis pasintjare Sud-Afrikon per brokanta aŭto aĉetita tie. Hejmenironte, li donacis ĝin al la landa E-asocio, kiu ĝin vendis. Per la akiritaj 4 mil randoj (= ĉ. 2 mil gld.) oni intencas eldoni E-lernolibron por afrikans-lingvanoj. (*Bona Espero*)

**Vjetnamio: Varmaj vizitoj**

Post sia marta vojaĝo (vd. jul-aŭg., p. 122) Reza, irana ĵurnalisto vivanta en Japanio, denove pasigis du semajnojn en Vjetnamio dum aŭgusto, por doni kelktagajn per-Esperantajn kursojn pri la masaĝo Yumeiho en provinco Long An kaj en urbo Hô Chí Minh. En Hô Chí Minh li prezentis E-on anglalingve al 50-kapa publiko precipe intelektula.

Samperiode turismis en la lando 16 UK-partoprenintoj el 4 kontinentoj, gvidate de Lucy Harmon. Ili renkontis po dekkelkon da lokaj e-istoj en Hô Chí Minh (la 4-an de aŭg.) kaj en Hanojo (la 12-an).

Kun financa helpo de KUMAKI Hideo (Japanio) aperis ĉe Ŝtata Eduka Eldonejo lernolibro de Ngô Chân Lý en 2 mil ekzempleroj. (Feniksa, Neĝo Pura, J. Ŝemer)

**Zairio: Lukala vokas**

La prezidanto de Zairia E-Asocio, Ngangu Nduantoni-Bakidila, retiriĝis el la estreco de la klubo Stelaro en Lukala. La 24-an de majo oni, "malgraŭ la vivcirkonstancoj, trinkis kaj satmanĝis" subĉiele, kaj elektis novan estraron. Ĝi invitas kontakti la E-Klubon Stelaro: p/a s-ro Monshet-Nhy Wa Dana, B.P. 7598 Kin I, CIZA/Lukala, Zairio.

# Fake




**Biblioteko: Sep mil revuoj**

Hispana E-Muzeo (Dr. Zamenhof 12, ES-08739, Sant Pau d'Ordal) aperigis *Inventaro de planlingvistikaj periodaĵoj*, kiu registras 7 000 erojn en 25 planlingvoj, ĉefe en Esperanto. La listo rezultas el la esploroj de Rondo Takács, konsistanta el tri fakuloj: Luis M. Hernandez Yzal, Ana Molera (Hispanio) kaj Árpád Máthé (Hungario). (*Kataluna E-isto*)

**Informado: Franca televido**

La franca tutlanda Canal Plus, populara ĉe gejunuloj, dediĉis la 21-an de sept. duonan horon komplete al Esperanto. Oni vidis i.a. E-lingvan kabareton en Tuluzo (kun francaj subtitoloj) kaj la e-istojn Marcel Redoulez, Michel Audibert, Philippe Gocker. Fine de la novaĵbulteno kiu sekvis la tute favoran elsendon, la anoncisto ĝisis jene: "Saluto [tiele]! Ĝis morgaŭ!" (Ĵ. Le Puil)

En alia tutlanda babil-programo Umberto Eco prezentis la 30-an de sept. sian libron *La serĉado de perfekta lingvo*, kiu aperis ĉe la Pariza Seuil (*La recherche de la langue parfaite dans la culture européenne*). Ne temis pri serioza diskuto, sed Eco almenaŭ klarigis la diferencon inter lingvoj "perfektaj" (t.e. filozofiaj) kaj "universalaj" (t.e. interkomunikaj, kiel Esperanto), kaj emfazis ke "lingvoprojektoj estas ne nur ludoj de stranguloj; ili ligiĝas al grandaj ideoj".

Post la germana traduko de la libro (*Die Suche nach der vollkommenen Sprache*, Munkeno: Beck), en aprilo eliris ĝia hispanigo (*La búsqueda de la lengua perfecta*) ĉe Crítica en Barcelono. Oktobre publikigis ĝin la Amsterdama Agon (*Europa en de volmaakte taal*). Kiel ni jam informis, la angla Basil Blackwell antaŭvidas ĝin por marto. Hungara traduko pretiĝas por la eldonejo Atlantisz.

**Junularo: TEJO kreskis**

Dum la ĉi-somera Internacia Junulara Kongreso TEJO riĉiĝis per siaj 36-a kaj 37-a landaj sekcioj: Japana E-Junularo kaj Irana E-ista Junulara Organizo.

Ĉ. 60 junuloj konferencis la 7-an kaj 8-an de aŭg. pri la ĉina junulara movado en Zhengzhou (provinco Hennan). (WANG Jianbing)

**Katolikismo: Junularo kreskis**

En la ĉeĥa Sebranice ĉ. 80 plejparte junaj katolikoj el 8 landoj kunvenis por la E-ista Katolika Tendaro (23 jul. - 5 aŭg.). La episkopo de Hradec Králové, Karel Otčenášek, celebris E-lingvan meson. Laŭ *GEJ-Gazeto*, la aranĝo kvalite kaj kvante superis tiujn de la antaŭaj jaroj.

**Komunistoj: Interfranca kontakto**

La 20-an de majo Raphael Vahé, respondeculo pri internaciaj rilatoj de la Franca Komunista Partio, akceptis delegacion de Kolektivo E-ista Komunista. Vahé interesiĝis pri kontaktoj de KEK en landoj kie FKP havas malmultajn rilatojn (kiel Albanio aŭ Taĝikio). La KEK-anoj klarigis ke eventuala leĝpropono de FKP pri Esperanto estus tre bone ricevata de la francaj e-istoj. (*Internaciisto*)

**Teatro: Spektakloj de solisto**

La unupersona Teatro Espero de Jerzy Fornal en la Varsovia Artgalerio Nusantara (str. Nowogrodzka 18a, tel. 292-441) prezentas malsaman spektaklon ĉiun unuan lundon de monato. Ekde septembro, laŭvice: *Aniaro* de Harry Martinson, *Einstein — konfeso el Ŝeolo* de Gunnar Gällmo, *Tajdoj de l' vivo* laŭ Emilija Lapenna, *Sopiro — laboro — espero* laŭ Zamenhof, *La granda koncerto* de Jerzy Fornal, *Vagabondo* de Harold Brown, *Virino — kvar bildoj* laŭ Eduardas Mieželaitis, *Rimleteroj* laŭ William Auld - Marjorie Boulton, *Eduko danĝera* de Harold Brown, kaj *Wolfgangerl* de Gunnar Gällmo. (*E-o en Pollando*)

**Vegetaranoj: TEVA en Hago**

Inter la 440 anoj de la 31-a Monda Vegetarana Kongreso (Hago, 8-13 aŭg.) troviĝis membroj de Tutmonda E-ista Vegetarana Asocio el 6 landoj. TEVA-vicprezidanto William Simcock parolis dufoje de la kongresa podio pri TEVA kaj la lingvoproblemo. (*La letero de e-ista vegetarano*)

# Nekrologoj

Albino CICCANTI (1930-1994), itala franciskana pastro, mortis en sia monaĥejo en Forlì la 13-an de septembro, tuj post reveno el kongreso de la italaj katolikaj e-istoj, kies unuiĝon li iam prezidis. Delegito pri katolikismo, dumviva membro, e-isto de pli ol 35 jaroj, Ciccanti estis konata kiel "fluganta monaĥo", ĉar li ofte petis kaj ricevis senpagan veturigon de flugkompanioj. Li estis la celebranto de la unua E-lingva meso (1965). Li fondis kaj gvidis la E-Centron en Rimini. El liaj multaj prelegvojaĝoj plej memorinda estas eble tiu en Svedio, pri Sankta Francisko el Asizo (1978-79).

TADAKATU Yuri (1899-1994), delegito, estro de la E-societo en Asiya (Japanio), forpasis la 8-an de majo. En la 20-aj jaroj li estis gvidanto de Japana E-Instituto, redakciano de *La Revuo Orienta* kaj aŭtoro de furora konversacia lernolibro.



*Albino Ciccanti*

Ernst S. VENTER (1912-1994), dum 20 jaroj delegito en Phalaborwa (Sud-Afriko) kaj 45 jarojn fakdelegito pri kristanismo, mortis la 7-an de aŭgusto. Li regule kontribuis al la sinsekvaj E-revuoj en Sud-Afriko kaj kompilis E-afrikansan vortaron, kiu atendas eldonon.

# Oficiala informilo

SOCIETO ZAMENHOF 1994
Britio: d-ro John C. Wells. Svedio: Birger Viggen.

NOVAJ DUMVIVAJ MEMBROJ
Israelo: J. Ŝemer. Japanio: Y. Kobayashi. Svedio: S. Svenonius.

**DONACOJ 1994 (gld.)**
**ĝis la 30-a de septembro**
**Asocia Kapitalo:** Anonime 20 000,00. Legacio Waringhien 389,17. Sumo ĉi-jara: 109 939,35.
**Fondaĵo Afriko:** E. Kehlet (por tanzania ĵurnalistino) 109,75. Sumo ĉi-jara 5042,47.
**Fondaĵo Azio:** Nederlando: Internacia Esperanto-Instituto 86,00.
**Konto Ĉinio:** Nederlando: N. Moerbeek-Bartels 100,00. Sumo ĉi-jara 575,00.
**Fondaĵo Canuto:** Anonime 15,00. Anonime 3000,00. Germanio: W. Heinrich 560,67. Nederlando: R. Moerbeek 200,00. Svedio: A. Nilsson 22,75. Sumo ĉi-jara 14 456,45.
**Ĝenerala Kaso:** Anonime 5000,00. Germanio: E. Kruse 111,28. Nederlando: G.F. Makkink 1000,00. Svedio: S. Svenonius 85,48. Sumo ĉi-jara 10 805,36.
**Fondaĵo Oficeja Ilaro:** Anonime 10 000. Sumo ĉi-jara 10 135,75.
**Pasporta Servo:** Aŭstralio: R. Harry 20,00. Francio: J.-J. Noël 20,00. Hispanio: M. Cruz 20,00. Kanado: S.T. Norvell 30,00. Nederlando: W.O. Huysen 25,00. Norvegio: U. Stenhaug 25,00. Diversaj malgrandaj 6,98. Sumo ĉi-jara 369,01.
**Propaganda konto:** Norvegio: A.R. Grødaland 13,49. Sumo ĉi-jara 123,24.
**Triamonda Kongresa Fondaĵo:** Anonime 500,00. Anonime 2000,00. Japanio: K. Matukubo 17,50. Kongresanoj 79-a UK: 2207,42. Sumo ĉi-jara 4724,92.

**Al ĉiuj tre koran dankon! UEA**

*Tarifo: Ĉiu vorto de la anoncetoj kostas 1,60 guldenojn (unu internacian respondkuponon). Pri ilia enhavo ne respondecas la redakcio. Ni donas nenian rabaton por la ripeto de anoncetoj. Por la tarifo de anoncoj, bonvolu vidi la kolofonon ĉe la interna kovrilpaĝo.*

# Anoncetoj



**Ĉu vi jam kotizis por 1995?**

Eugène de Zilah

## VIVI SUR BARKO




*Filozofo ekvivas sur maro . . .*

235p. 49,50 gld. Libro fajne manfarita. Mendu ĉe UEA.

Unua ero de la serio Kargo. Sekvos:
Mauro Nervi: *Havenoj*
Edith Södergran: *Lando malekzista*
Nina Langlet: *Kaoso en Budapeŝto*

Abonantoj de pluraj volumoj ricevos signifan rabaton. Skribu al: J-C. Bernard, Ancien presbytère, FR-30260 Cannes et Clairan, Francio.



Tibor Sekelj

# Kumeŭaŭa

Ree haveblas ĉi tiu populara romaneto tradukita en dudekon da aliaj lingvoj!

*Kumeŭaŭa, la filo de la ĝangalo,* de T. Sekelj. Rotterdam: UEA, 1994 (2-a eld.). 96p. 21cm. Riĉe ilustrita. 15,00 gld. Triona rabato ekde 3 ekz.

## DEMANDO:

**Ĉu vi scias, kion komunan havas la Esperanto-grupoj de Bruĝo (Belgio) kaj Mantovo (Italio) kun Helga Farukuoye (Aŭstrio), Fondaĵo Afriko kaj Kataluna Esperanto-Asocio?**

## ĜUSTA RESPONDO:

**Ili ĉiuj faris kolektivan abonon de KONTAKTO por si mem aŭ kiel donacon por aliaj. Kaj ni donacis al ili grandan rabaton el la normala prezo!**

**Ni volonte donacos tiun rabaton ankaŭ al vi, via klubo, kurso aŭ landa asocio. Elektu mem, ĉu ni rabatu 20% (tiam ni sendos nian revuon rekte al ĉiu ano de la kolektivo) aŭ eĉ 40% (tiam ni sendos ĉiujn ekzemplerojn en unu pako al unu adreso)! Minimuma nombro estas nur 6. Por tre granda nombro ni povos doni tute skuan rabategon...**

**Se vi interesiĝas, skribu al la CO de UEA!**

# HEROLDO

## DE ESPERANTO

LA PLEJ POPULARA INTERNACIA ESPERANTO-ORGANO

**De 75 jaroj je la servo de la Internacia Lingvo**

- 16 numeroj jare
- Aktualaj ilustritaj raportoj el la tuta mondo
- Junulara, instruista, literatura rubrikoj, librorecenzoj, listo de fakaj artikoloj en Esperanto
- Duobla kongresa numero, kalendaro de internaciaj renkontiĝoj kaj kongresoj
- Libera tribuno de la legantoj, anoncetoj, ŝak-problemoj, foto-filmo, "Mallonge", ktp.

Jarabono: 26.00 usonaj dolaroj aŭ egalvaloro
Abonebla ĉe la Landaj Perantoj aŭ ĉe UEA
(55 guldenoj; aldonaj kostoj por aera sendo)

Mendu provnumeron ĉe la redakcio: Via N. Sandre 15, IT-10078 Venaria Reale (TO), Italio
Redaktorino: Ada Fighiera-Sikorska